# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

**Fondinto :** H. Hodler. †
**Redaktoro :** D-ro Edm. Privat.
**Direktoro de UEA :** Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**



**XXX-a Jaro N° 404**

**APRILO 1934**

# La Paska Kunveno

En la Oficejo de UEA en Genève sidis la provizora estraro de nia movado dum kvar tagoj kaj ekzamenis atente la situacion.

Laŭ la nova sistemo, la kontrolo kaj centrigo de la diversaj administroj nun plene funkcias.

Nova epoko por nia movado povos ekflori sub du kondiĉoj. La unua estas, ke nun ĉesu organizaj diskutoj kaj koncentriĝu la tuta laborado kaj pensado al la sukcesigo de nia lingvo. La dua estas, ke la atingita unuiĝo alportu la necesan subtenon al niaj institucioj.

Tiuj du kondiĉoj, unu spirita, unu materia, estas nepre necesaj por ke la trovita solvo alportu la esperitajn fruktojn. Alie oni estus perdinta multan tempon sen praktika rezultato.

Nun venis la momento por la esperantistaro konfirmi la kolonjan decidon per varma kunhelpo de ĉiuj. Estas facile kompreni, ke kotizo de duona svisa franko ne povas ebligi presigon de gazeto, jarlibro, dokumentoj, kaj samtempe kovri ĉiujn aliajn elspezojn por administrado kaj propagando.

Nia nun ĝenerala Universala Esperanto-Asocio povos plenumi la taskon al ĝi konfiditan nur per konservo kaj plimultigo de aktivaj membroj, abonantoj kaj subtenantoj. Estas nun la devo de ĉiuj esperantistoj varbi ĉirkaŭ si kaj mem regule montri sian fidelecon per aliĝo al tiuj kategorioj por starigi firman bazon al la tuta afero.

Ne temas plu pri ekzisto de unu asocio, sed pri la movado mem, hodiaŭ definitive unuigita kaj dezirema ekagi sur diversaj kampoj.

La Paska kunveno de la estraro decidis do turni sin al la esperantista popolo per urĝa kaj grava alvoko, por ke ĝi bone komprenu sian respondecon kaj donu sian respondon per subtena plebiscito.

Venis nun la horo decidi ne plu kion oni deziras, ke la ceteraj faru, sed kion oni faru mem. Ni atendas de ĉiuj la tujan esprimon de la decidemo per agoj kaj ni dankas antaŭe pro ĉies kunhelpo.

Vivu nia Universala Asocio kaj la Zamenhofa celo !

Ed. Stettler (Bern) Prezidanto — Joh. Karsch (Dresden) Vicprezidanto — Paul Blaise (London) — Fritz Rockmann (Magdeburg) — D-ro Stan. Kamaryt (Bratislava) — Generalo Bastien (Paris).

**P. S. Oni bonvolu atente legi la direktoran raporton sur paĝoj sekvantaj.**

# Universala Esperanto-Asocio

**La nova UEA — Agado 1934 — Grava danĝero — Savu la organizon — Kontraŭ inerteco kaj pesimismo — Nova horizonto — Nia idealo**

### La nova UEA

Kolonjo 1933 dum somero. Kalejdoskope ni revidas la solenan finon de la 25-a Universala Kongreso. Triumfis la esp. postulo je konkorda kunlaboro, kaj ke ni efektivigu ĝin unue ĉe ni mem. Estonta esploristo eble serĉos la psikan kaŭzon de la paco esperantista, el nuntempaj fluoj ĉie puŝantaj al unuecigo de forto, de penso kaj de simpligo. Sub la impreso de tiu ĉi « *rondo familia* » la anoj de la Ĝenerala Estraro rapidis ĉiel, por subtegmentigi kiom eble plej multajn aferojn. Tiun rapidecon oni supozis ebla ankaŭ en la *apliko* de la Interkonsento. *Je la unua de Novembro 1933 funkciu la nova organizo*, jen la solene fiksita deklaro. La fakuloj esprimetis dubojn, sed en la favora atmosfero de paco kaj konkordo neniu volis aperi kiel haltiganto. Ne gravas, ĉar ĉio iris sian vojon, nur kun ioma prokrasto.

Kiam ni skribas tiujn liniojn, okazas *la voĉdono de la Delegitoj de UEA pri la nova statuto*. Ne duba povas esti la rezultato. Kiam tiu ĉi formala, sed necesa laboro estas plenumita, la vojo estas libera al agado. Intertempe la Landaj Asocioj siaflanke faris la neceson. La unua faro estas la elekto de la komitatanoj, kio dependas de la nombro de membroj aligataj de la koncerna organizaĵo, kiel simplaj membroj al UEA. La jena tabelo montras la nunan staton :

| Landa Asocio | Nombro de anoj 1933 | Komitatanoj nomataj : Sinjoroj | Nombro | Ĉefdelegito Sinjoro : |
|---|---|---|---|---|
| Belga | 900 | Petiau. | 1 | Nomota. |
| Brita | 1.800 | Long. Goldsmith. | 2 | Wadham. |
| Dana | 400 | Knud Th. Hansen. | 1 | Palsberg |
| Franca | 3.200 | Bastien, Couteaux Dubois, Petit. | 4 | Rousseau |
| Germana | 2.200 | Behrendt, Vogt. | 2 | Rockmann* |
| Japana | 1.500 | Ŝindo Seitaro. | 1 | Fujisaŭa |
| Nederlanda | 1.600 | (Nomotaj) | 2 | Telling |
| Norvega | 100 | Bugge Paulsen. | 1 | Arnessen |
| Sveda | 1.700 | Jansson. | 1 | Malmgren |
| Svisa | 700 | Stettler. | 1 | Kürsteiner |
| 10 org. kun 14.000 | | | | 16 komitatanoj |

La nombro de la membroj respondas al tiuj konigitaj en la Jarlibro 1933. Sed evidentiĝas ke tiuj ciferoj ne korespondas al la sumo de efektive pagintaj anoj. Ekzemple la ciferoj de la Belga, Itala, Japana, Nederlanda, kaj Sveda organizaĵoj estas malpli altaj. Anstataŭ 14.100 anojn ni venas al unu triono malpli, do 10.000.

Principe decidis aligi la membraron la du Asocioj en Ĉeĥoslovakio. Definitivaj nombroj venos post decido pri enlanda unuecigo. En Aŭstrio okazos decido post nelonge.

Ne povas *aligi* la membraron la organizaĵoj : Argentina, Aŭstralazia, Brazila, Danziga, Estonia, Finnlanda, Greka, Helena, Latva, Novzelanda. Tio estas 10 Asocioj, en dek landoj kun 1.500-2.000 anoj (Tiu ĉi cifero estas sen garantio).

Kun la ceteraj Asocioj, UEA korespondas pri la formo de l'estonta kunlaboro. Resume ni povas diri, ke la duono de la efektive ekzistantaj Asocioj plenumas kaj aplikas la Interkonsenton de Kolonjo en la ĉefaj detaloj.

Tiu ĉi rezultato estas frukto de tre ampleksa korespondado inter la Centra Oficejo de UEA kaj la koncernaj Landaj Asocioj. Komplika estis la fikso de la kotizoj, pro la jam ofte konstatita malsameco en la strukturo organiza.

Por transiri al la nova stato sen tro granda perturbo, la Prezidanto de UEA rajtigis la Direktoron adapti la administradon al la novaj cirkonstancoj. La speciala numero de ESPERANTO, unua signo de l'unueco, dissendita al 24.000 esperantistoj, senpere konigis la ĉefajn sciindaĵojn kaj la novan procedon.

La dua signo de la atingita unueco estas la *unika* membrokarto. Mankas la loko tie ĉi, por klarigi, *kial* estas uzata *alia* membrokarto en *tiuj* landoj, kiuj aligas la membraron dume en aliaj restas la ĝisnuna. Inter la postuloj de unueca organizo ja estas la membrokarto ne la plej grava. Sed ĝi estas elokventa pruvo pri la unueco mem. Ankaŭ tiu ĉi punkto de la nova organizo postulis detalan korespondadon ĝis plena interkonsento estis atingita. Je la nuna momento ekzistas tiu ĉi unika membrokarto en jenaj teritorioj : Belga, Brita, Dana, Franca, Nederlanda, Sveda, Svisa. Aliaj sekvos.

La tria signo de la unuecigo estas la ĝojiga kresko de la nombro de lokoj kun Delegitoj. Estas ĉirkaŭ 200, kiuj egaligas la perdon neeviteblan pro la ekonomia situacio, kaj eĉ kreskigas la finan nombron. Tiurilate ankoraŭ multe estas farebla, farenda kaj farinda. Dependas *nur* de pli intima enprofundiĝo de la nova organizo por atingi la idealon : Delegito de UEA en *ĉiu* loko kie estas esperantisto, plenumanta la kondiĉojn.

### Agado 1934

La eksteraj cirkonstancoj kaj kondiĉoj pri kiuj ni parolas ankoraŭ aliloke, neniel kuraĝigas je iniciato de novaj laboroj. La plej simpla afero entreprenata kostas monon, precipe afrankon, tiu ĉi zorginfano de ĉiu organizaĵo laboranta universale. Plie la nova organismo ja ankoraŭ ne enradikiĝis tiom, por elmeti ĝin al perturboj, okazeblaj per troa entreprenemo, kiu logike malhelpas prilaboron pli severan de la kutimaj negocoj. Kiel *minimumon* de agado ni citu : la kutiman funkciadon de la Asocio, kaj la servoj. Gravan taskon surprenis la *Fako por Eksteraj Aferoj*, pro la okazigo de la *Konferenco en Vieno*.

Inter la servoj silente funkciantaj, estas la *Propaganda*, la *Reklama* kaj la *Turisma*. Aperis nun Finna kaj Kataluna propagandiloj, tiel ke la nombro de nacilingvaj varbiloj kreskis al 7 (ĉeĥa, finna, franca, germana, hungara, kataluna, portugala) Prespreta estas la pola, la hispana kaj en preparo la malaja varbiloj.

Malgraŭ la nuna situacio ni forte klopodas pri la turismaj reklamiloj kaj iuj sukcesoj estas atingitaj en tiu ĉikampo. Grave malhelpas pli videblan sukceson, la ftiza stato de la financoj ĉe

multaj organizaĵoj turismaj. Malforta konsolo por ni, ke al aliaj *ankaŭ* mankas la mono.

RESUMO : Daŭrigo de la nuna laborado, prudenta provo plibonigi ekzistantajn servojn.

### Grava danĝero

En la ĝojo pri la atingita esperantista harmonio miksiĝas guto amara : La plimalboniĝo de la ekonomia stato de l' mondo, kaj kun ĝi la grandega malfaciligo de l'internaciaj rilatoj. Ni intence ne citas alian fenomenon, pri kio ni poste aludos aparte. Kiel tio influas la laboron de nia Asocio ni volas denove montri, por ke regu proksimuma klareco.

Idealo por internacia organizaĵo estas, posedi grandan parton de siaj anoj en la lando de l'sidejo. Tiu ĉi kondiĉo ne ekzistas ĉe UEA, kiu estas universala, ne posedas tielnomatan « Hinterland », sufiĉe vastan teritorion kun samaj kondiĉoj, samaj kostoj, sama procedebleco. Jam 1/5 de la tuta membraro en la *propra* lando signifus por ĝi, senteblan ŝanĝon kaj atentindan financan plibonstaton.

Ni rigardu la realon. La efiko de la situacio sentiĝas unuavice ĉe la *individuoj*, kiuj enspezas jam malpli. La maloftaj esceptoj preteriras la esperantistan publikon. Rezulto : Malinklino partopreni la movadon kaj pagi kotizon. Je la honoro de la esperantistoj ni konstatu tamen, ke proporcie al aliaj movadoj, la societa fideleco esperantista estas pli granda.

Sed senkompare pli grava estas por UEA la falo de la monkurzoj. Laŭ detalaj kalkuloj, tiu ĉi falo atingas 30-40 % ĉe ĉiuj valutoj, escepte Francujo, Germanujo, Nederlando, Polujo, Svislando, por nomi la plej gravajn. El sepdek ŝtatoj kun propra valuto, nur 10 konservis la oran valoron aŭ por paroli pli konkrete, ne malaltigis la valoron depost 1930.

Por ke la malhelpoj estu kompletaj, aro da landoj malebligas la eliron de mono, alivorte malpermesis ĉian senperan kaj nerektan pagon, eĉ la plej malgrandan al eksterlando. Ni citu kelkajn : En Eŭropo : Aŭstrio, Bulgario, Estonio, Germanujo, Greklando, Hungarlando, Jugoslavio, Latvio, Portugalo, Rumanujo. En ambaŭ Amerikoj : Ĉiuj ŝtatoj en la Suda kaj Centra Ameriko. La ceteraj kontinentoj ne ludas gravan rolon en niaj financoj kaj la rilatoj estas do pli malpli normalaj. Atentinda estas tamen la eksterordinara falo de la japana jeno. Ĝi valoris en la jaro 1930. Fr sv. 2.50 kaj nun *unu* jeno egalas unu svisan Frankon, senvaloriĝo de 60 %.

Kiom da tempo necesas por ricevi *enspezitan* monon, pri tio *neniu* ekster nia oficejo havas ideon. Ni aldonu, ke niaj ĉefdelegitoj klopodegas ĉiel havigi al ni la monon, kiun ni ja bezonas por plenumi niajn devojn.

RESUMO : Monmanko, kurzfalo, pag-malpermeso, estas la grava danĝero por nia agado.

### Savu la organizon.

Estas efektive ia miraklo, ke spite al tiuj malfacilaĵoj UEA ekzistas, laboras kaj servas. Simpla konkludo el la efiko de la tutmonda malbono estas adapti ĉion al tio. Pri la limoj de tia adapto ni jam parolis. Ne necesas konsili redukton de ĉio! La proponon, *ne* eldoni Jarlibron, revuon k.t.p., ni nature ne povas sekvi. Oni ne povas akcepti kotizon aŭ abonon kaj poste nenion liveri. En ordinara vivo oni nomas tion « ŝtelo aŭ trompo ».

Aliflanke, kaj tiun fakton malmultaj personoj priatentas, necesas konservi la altirpovon de la Asocio. Sub tio ni komprenas, ke por *altiri* novulojn al la organizaĵo *ne* sufiĉas *promesi* ion. Oni devas ĝis ankaŭ liveri. Strange ja estas, ke pri tiuj elementaj reguloj de socia vivo (plenumi donitan promeson) regas opinioj en la esp. publiko, kiuj tute ne estas defendeblaj. Nature, post la milito ŝanĝis kompreno pri *devo*, kaj ofte predikantoj de l' devo, mem malrespektis, kion ili konsilas al la kara proksimulo.

Mallonge : Konservi la altirpovon de UEA, liveri la laŭstatute rajtigitajn objektojn, trapasi la marasmon. Jen niaj taskoj, kaj ili ne estas simplaj. Por sukcesi ni faris la neceson, kion ni povas fari. ESTAS NUN AL VI, KARAJ SAMIDEANOJ FARI VIAFLANKE ĈION EBLAN POR KE UEA NE BARAKTU SENFINE. VARBU, KLOPODU, OFERU, NE POR IES PERSONA BONFARTO AŬ GLORO, SED POR SAVI TION, KION VIAJ ANTAŬULOJ KREIS. *NE* KALKULU JE VIA PROKSIMULO, KE LI JAM OFERAS, *NE* SUPOZU KE LA KOMITATO *SOLE* SUKCESOS VENKI ĈIUJN MALHELPOJN. NUR LA KUNIGITAJ FORTO KAJ MONO TION KAPABLOS.

Inter la rimedoj por efike helpi la Asocion estas la sistema varbado de aktivaj membroj. Ni devas tie ĉi diri vorton pri la opinio, ke la kotizo de 50 centimoj, sufiĉus por funkciigi la Asocion, eldoni jarlibron, revuon, liveri premiojn, prilabori delegitojn, krei servojn k.t.p. Ni ripetu, kaj tion laŭte : *UEA povas vivi nur el kotizoj de aktivaj membroj, kaj tion sub certaj kondiĉoj.*

En normala tempo, la kotizoj de la aktivaj membroj, povas kovri la bezonon. Sed pro la fakto, ke UEA konsentas favorprezojn al membroj en landoj kun malsana mono, rezultis eterna penado, fini senperde. Tiu ĉi penado similas al tiu de hundo, nepre dezirante mordi sian propran voston.

Granda helpo estas la kotizoj de la Subtenantoj. Per ilia kreskanta nombro, ni devos atingi « ŝtopon de la truo ». Ne necesas, ke ni ripetu tie ĉi la avantaĝojn, kiujn rajtas subtenanta membro. Estas feliĉa kunigo de kotizo kun akiro de valoraj esp. libroj. Ni insistas, ke vi ĉiuj kunhelpu varbi Subtenantojn al UEA. Se unuopa pago de tiu ĉi kotizo ne estas ebla, tiam ekzistas la rajto pagi poparte.

RESUMO : Varbi aktivajn membrojn kaj Subtenantojn, konservi la malnovajn membrojn, atenti pri la novaj esperantistoj varbeblaj al la organizo.

### Inerteco kaj pesimismo.

Clémenceau, la franca ŝtatisto, foje diris sarkasme : « La plej grandaj malamikoj de movado aŭ de ideo estas ĝiaj adeptoj ». Tiu ĉi eldiro de granda skeptikulo ja enhavas certan veron. Tro granda fervoro malutilas ofte al la afero. Sed ankaŭ la kontraŭo, la inerteco estas malamiko de progreso. Daŭre kaj daŭre ni memoru, ke nur la persista, obstina, oferema kredo povas sukcesigi movadon. Sen tio, ĉiu predikado ne havas sencon, estas vane uzita energio. Ni bezonas tiun ĉi kredon je la bono de nia afero, kredo, kiu kapablos krei miraklojn el nenio. Ja estas vere, ke ne ĉiu estas naskita kiel apostolo. Ankaŭ oni ne postulas tion. Ne la generaloj gajnas batalon, sed estas la soldatoj, la simplaj oferantoj, nekonataj kaj forgesataj.

Hodiaŭ, kiam ondoj de inerteco kaj de pesimismo minacas detrui ĉion, ni vokas tie ĉi tiujn homojn kun tiu-ĉi firma neŝanceligebla kredo kaj konvinko, ke ili formu bataltrupon pretan por ĉio. Delegitoj, grupestroj, propagandistoj, komprenu vian taskon, vian devon de la nuna momento. Temas savi la ideon de Esperanto, kiu ne konsistas nur el la rekorda instruado de centmiloj, sed en la konservado de konvinkitaj, kelkmilaj *uzantoj* de nia lingvo, la vera popolo esperantista. Neniam Esperanto

plenumas sian rolon, se ne ekzistas tiu kerno de intergenta agado, korpigita en UEA. Ĝi estas la efektivigo de la ideo de nia majstro kaj estas al ni la nobla tasko, konservi ĝin tra la ventego kaj glacio de la ekonomia katastrofo. For do la inertecon, for la pesimismon!

**Nova horizonto.**

*Disfalas la malnovo*
*Aliiĝas tempoj kaj*
*Nova viv' ekfloras el ruinoj.*

Observema pensanto rimarkas, kiel disfalas la malnova tempo. Novaj fortoj ekleviĝas kaj fervore penadas efektivigi novajn idealojn. Malnovaj postuloj je alia sociordo trovas efektivigon, tute alian ol atendis la teoriuloj, siatempe formulintaj planojn por realigi la teran Eden-on. Ideoj ŝajne eternaj perdas sencon, antaŭ tiuj misteraj fortoj naskiĝintaj el la ĥaoso. Malmultaj nur konsciiĝas plene pri la transformo de la spirita kaj ekonomia fundamentoj de nia jarcento. Kion ni vidas nun okazi, estas ja nenio alia ol la ekestiĝo de nova tempo.

Forgesitaj teoriuloj de rasa, genta kaj religia doktrinaro trovas milojn da adeptoj. La simpla ordono de la saĝulo el Nazareto « amu unu la alian » renkontas kompateman rideton. « For ne laŭtempan humanecon, for la ideojn de la solidareco interpopola, for ĉio kio estus signo de propra malforteco. » Jen la krioj kaj postuloj.

Kion ni lernas el tio? Ni lernu, ke la homa socio tro fidis je formuloj, je doktrinoj kaj atentis pli la literon ol la agon. Litero estas morto, ago estas vivo. Por konservi, kion oni akiris, necesas batali, necesas esti preta ĉiumomente. La malatenton de tiu ĉi vero, ni vidas el la ŝanĝo de la ideoj, kio en certa grado ankaŭ ektuŝas nian movadon.

La ideo de Esperanto havas du aspektojn : Unu esence praktikan, la dua, moralan. Ke la lingvo utilas kaj povus utili miloble pli, *tion* ni scias. Ke ĝi influas ankaŭ morale, tion ni nur sentas. Esperantisto, kiu rilatas kun samlingvanoj en aliaj landoj, vastigas sian horizonton, li komprenas pli bone la idealojn de aliaj popoloj. Kreiĝas el tio iom post iom respekto al la aliaj, kiuj same rajtas vivi, prosperi kaj ĝoji. Al la nura akcentigo de « utilismo » de nia klopodado, ni ne hontu konfesi kiom da morala forto kuŝas en la ebleco rekte paroli en lingvo neŭtrala kun la oficiala « malamiko ». Kion ajn oni diras pri la neperfekta lingvo, pri la barbara aspekto de teksto, pri la fuŝa derivado k.t.p., ĉio tio paliĝas antaŭ la nefordisputebla fakto : La lingvo vivas, servas kaj formas neforpenseblan eron en la mozaiko de la homa genio.

En tiu ĉi dueco de Esperanto, praktikmorala, estas ĝia forto. Neligata al politika kredaro nia lingvo estas je la dispono de ĉiu, kiel ajn estas lia monda percepto. Kontraŭ la ĉinaj muroj, kreataj nuntempe por malebligi influon de ekstere, ni konservu tiun vastan horizonton de universaleco de nia ideo. Al la amo por nia propra lando kaj gento kaj de ĝia rolo ni penu aldoni porcion de ŝato kaj respekto... por la aliaj. Kaj nia lingvo helpas en tio.

**Nia idealo**

Ĉu oni kuraĝas ankoraŭ paroli pri nia idealo? Ĉu ni risku mokon, eĉ de esperantistoj? Se homoj silentas, kriegos la ŝtonoj. Kaj tial ni ripetu denove, ke nenio povos forigi la idealon por kio laboris la kreinto de la lingvo kaj la plej bonaj el la disĉiploj. Kaj en kio konsistas tiu ĉi idealo? Ĝin esprimas plej bele la strofo en LA ESPERO :

*Sur neŭtrala lingva fundamento*
*Komprenante unu la alian*
*La popoloj faros en konsento*
*Unu grandan rondon familian.*

Malproksimaj ni ja estas de la efektivigo de tiu ĉi idealo. Sed la deklamoj de la potenculoj de la nuna mondo pri la idealo de intergenta kunlaboro, plifortigu nin en la kredo, ke ni estas pravaj

*ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita*
*ĝi estas la voj' elektita!*

H. J.

# La Brazila Poŝto kaj Esperanto




En N°403, pĝ 45 de nia gazeto ni raportis pri la grandioza sukceso de niaj amikoj de la Brazila Ligo Esperantista ĉe la brazila poŝto. Hodiaŭ ni povas reprodukti unu ekzempleron de karto el la nomita serio de oficialaj poŝtkartoj kun Esperanto-klarigoj.

Kiel la Sekcio de Eksteraj Aferoj de U.E.A. korektige sciigas nin, ne temas pri 36, sed pri 39 kartoj. La poŝta direkcio, pro kaŭzo nekonata, lasta-minute aperigis ankoraŭ 3 pliajn kartojn.

Ni memorigas al aktivuloj la peton de la Brazila Ligo Esperantista, publikigi la fakton en la gazetoj kaj jurnaloj. Ĉiu, kiu sukcesas publikigi artikolon aŭ noton pri tiu eldono, sendu al B.L.E. (adreso : Rua Marechal Floriano 212-1-a, Rio de Janeiro) 2 ekzemplerojn de la gazetoj ĝin aperigintaj aŭ almenaŭ de la titola kaj koncerna paĝoj de la gazetoj. Por ĉiu gazeto B.L.E. sendos formalan dank-kvitancon sur oficiala poŝtkarto.

Unu el la kolekto de tiuj gazetoj estos sendata al la poŝta direkcio.

# AL LA INTERNACIA KONFERENCO, VIENO

## Esperanto en la lernejon kaj la praktikon: Pentekoston 1934

**Sub la protekto de Konfederacia Prezidanto de Aŭstrio Vilhelmo Miklas kaj sub la Honora Prezido de Konfederacia Kanceliero. Dro. Engelberto Dollfuss.**

La Esperantistaro jam estas informita pri la okazigo de ĉi tiu konferenco. Intertempe viglaj manoj, sub la gvidado de Reg. Konsilisto H. Steiner en Vieno, laboregas pro preparo de tiu ĉi manifestacio. Je ĉiu merkredo viena esperantisto per radio diskonigas la plej lastajn novaĵojn pri la konferenco. Eĉ aŭstria ministro aŭdigis sin por reklami la celojn de la vienaj aranĝoj. En la ekstera sekcio de la UEA en Ĝenevo granda parto de la laboro estas dediĉita al la preparoj por Vieno. Je la alia flanko landaj asocioj, faksocietoj, interesitaj federacioj, grupoj kaj izolaj esperantistoj klopodas pri la konferenco. Pli ol 7000 invitoj en 10 lingvoj jam estas senditaj individue tra la mondo. Pluaj invitoj ankoraŭ eliros, kiam la necesajn adresojn ricevis la sekretariejo. Arego da simpatiaj respondoj estas ricevita. La nombro de aliĝoj kreskas iom post iom. El iuj landoj specialaj karavanoj estas atendataj. Nun estas preparota la definitiva programo. Nur kelkaj semajnoj ankoraŭ distancigas nin de la okaziĝo. Dum ili oni devas fari la lastajn klopodojn por nepra sukceso.

Estas invitataj partopreni al ĉi-tiu konferenco el la kampo de komerco kaj industrio: komercaj ĉambroj, foiroj, ekonomiaj unuiĝoj de ĉiu speco, komerc-lernejoj kaj fak-asocioj; el la kampo de trafiko: fervoj-kompanioj, trafik-unuiĝoj, entreprenoj de ŝip- kaj aerveturado, radio-kompanioj, hotel-organizoj; el la instrua sfero: instru-aŭtoritatoj, universitatoj, altlernejoj, instruistaj organizoj, film-kompanioj kaj klerig-asocioj. La partopreno de instru-ministerioj, plue de ministerioj de trafiko, fervojo kaj de poŝto estas antaŭvidita kaj la partopreno de kelkaj registaroj jam certigita. Oni do nepre klopodu pri ĉeesto de interesitoj el tiuj kampoj.

### Kio ankoraŭ estas necesa por sukcesigi la konferencon?

Estas ĉefe *necese altiri partoprenontojn* al la konferenco. Neniu raportanto aŭ paroladanto ŝatos paroli antaŭ malplenaj seĝoj. Kvankam la konferenco okazos, per neŝanĝeblaj cirkonstancoj, je pentekosto, kiam okazos vico da naciaj kongresoj esp., estas necesege klopodi pri multnombra ĉeesto. — Kiu ne povas veni, tiu instigu aliajn iri al Vieno.

Estas necese *multnombre aliĝi* al la konferenco por ankaŭ certigi financan sukceson. Estas intencite publikigi la materialon de la konferenco. Por tio mono estas bezonata. Multnombra aliĝo certigos kalkul-pluson uzeblan por tiu ĉi celo. Oni sendu aŭ sendigu aliĝojn kun la kotizo de *sv. frk.* 12.— tuj al la sekretariejo aŭ al ĝia Poŝtsparkasa konto (poŝtĉeko) B 190-946.

Oni nepre klopodu *alvenigi ne-esperantistojn*, por kiuj la konferenco nekontesteble estos impresa memoraĵo. Aparte grava estas la reprezentado de *ne-esperantistaj institucioj interesigitaj*. Klopodu *reprezenti ilin ad referendum*, se ili ne povas sendi propran delegiton. Nepre *kunhelpu al perfektigo de la programo* per proponoj de absolute kapablaj samideanoj, kiuj povas preni sur sin paroladon aŭ raporton. Sciigoj estas senditaj ĝis plej malfrue 25 Aprilo 1934 al la Ekstera Sekcio de UEA, 11, rue du Mt. Blanc, *Genève*.

Nepre alportu aŭ alsendu dokumentan materialon pri enkonduko kaj uzo de Esperanto, pri spertoj kun ĝi kaj pri ĉiuj aplikeblecoj. La konferenco kolektos ĉion, elmontros ĝin kaj sur konkludoj el ĉio bazas siajn rezoluciojn kaj rekomendojn.

Samideanoj! Ni klopodas kune pri nova sukceso de Esperanto. Malgraŭ la krizo la Esperanto-afero kreskas konstante. Sed ĉefe nun ĝi bezonas nian tutan entuziasmon, nian tutan laborforton kaj nian tutan inteligentecon por certigi al ni sukceson de nia agado. La konferenco de Vieno nepre devas fariĝi impresa manifestacio. Ĝi devas sukcesi. Ni faris nian eblon, ni plenumis nian devon, faru vi la vian.

Robert KREUZ, *Direktoro de UEA.*

### INFORMARO

*Paroladoj kaj raportoj* estas *allasataj* en ĉiuj naciaj lingvoj kaj en Esperanto. La *tradukado* okazas nur en Esperanto.

La definitiva programo estos diskonigata komence de Majo. — La *tagordo* ankoraŭ povas esti plilarĝigata.

*Kotizo.* La kotizo estas *sv. frk.* 12.— (aŭ egalvaloro) pagebla per poŝtmandato, poŝtĉeko aŭ en biletoj en registrita letero al la sekretariejo. Post ĝia pago ĉiu aliĝinto ricevas numeritan membro-karton. Ĝi servas kiel legitimacio por senpaga havigo de rabatilo por la aŭstriaj fervojaro kaj ŝipoj (rabato 25%) enirbiletoj por Solena Malfermo en la Parlamentejo, al la festprezentado en la Ŝtatopero («La Vesperto»), por la ĉambraro de l'Imperia Kastelo en Vieno kaj Schönbrunn, por la vesper-aranĝoj, ktp. inkluditaj en la kotizo.

*Aŭstrianoj* pagas ŝil. 2.—; ili ĝuas je distanco de pli ol 30 km 25% rabaton en la fervojo kaj povas senpage ĉeesti la malfermon kaj la laborkunsidojn. Ili ricevos rabaton por ĉiuj aranĝoj kaj 20% je la biletprezoj por la festprezentado.

*Vizo.* Konferencanoj (escepte senŝtatanoj kaj personoj el USSR) ne bezonas vizon, sed nur validan pasporton. Ni faris petskribon al la germana registaro, por ke konferencanoj el Germanujo povu eniri Aŭstrion sen pago de Gmk 1,000. Ni ankaŭ petis al la pola registaro, por ke ĝi malaltigu la koston de elvojaĝa vizo.

*Loĝigo.* La sekretariejo peradas laŭdezire loĝigon kun aŭ sen pensiono por ĉiuj aliĝantoj. Demandaro estos sendata post aliĝo.

*Adreso de la Sekretariejo.* Ĉiuj sendaĵoj estas direktotaj al:

« Internacia Konferenco Vieno 1934 »
Neue Hofburg, Heldenplatz,
*Wien* 1

Telefono: R 27-803 — Poŝtŝparkasa konto (Poŝtĉeko): B 190-946 — Telegram-adreso: Esperantokonferenco, Wien 1.

# La Familio Zamenhof

Kun granda ĉagreno aŭdis la esperantistaro pri la sinsekva morto de Feliks kaj Leono Zamenhof en Varsovio. Nun forpasis ĉiuj fratoj de nia majstro kaj inspirinto. Restas la dua kaj tria generacio. Modeste kaj fidele daŭrigas la filo de D-ro Zamenhof la surlokan flegadon de lacaj okuloj, tiun ĉiutagan amlaboron kaj helpadon al malriĉaj homfratoj, kiu plenigis la tagojn de patro kaj filo.

Ne malproksime laboradas unu filino, brava kuracistino komprenema kaj kuraĝa. Konata en okcidento estas la dua filino, per lerta plumo kaj lerta parolo instruanta nian lingvon al diverslanda publiko.

Al ili ĉiuj kaj al la tuta familio en Varsovio, speciale al dolore frapitaj edzinoj kaj fratino ni esprimas koran kaj profundan simpation. Ĉio kio tuŝas ilin, tuŝas ankaŭ nin kaj ame ni memoras ne nur la du fratojn de nia majstro, sed ankaŭ la du bonajn samideanojn kaj amikojn, ambaŭ poetojn en nia lingvo, ambaŭ filozofojn de la interna ideo, ambaŭ fidelajn al la penso de Ludoviko.

Nenia ĵaluzo ja ekzistis, nur admiro kaj respekto al amata gvidanto. Al lia homara grandeco ili tutkore kredis kaj por ili ĝin konfirmis lia hejma sinteno saĝa, bonkora kaj helpema.

Lastan leteron de Leono Zamenhof mi ricevis antaŭ kelkaj semajnoj :

« *Inter kvin fratoj restis nur mi — unu sola reprezentanto vira de la familio de Zamenhof. Mi tion sentas bone, sed, bedaŭrinde, mi ne povas dece reprezenti la tradicion de Zamenhofanoj. Mi mem min sentas malbone kaj la vivcirkonstancoj multe malfortigis mian energion. Jen la kaŭzo kial mi ne partoprenas tiel ageme en la esperanta movado.*

*Vi diras, ke la nuna mondo pli ol iam bezonas aŭdi la voĉon Zamenhofan. Sed ĉu ĝi volas ĝin aŭdi ? Tio, kio okazis en la lasta tempo en la mondo forprenas ian ajn deziron partopreni en homama direkto. La ekscitita mondo ne revenos rapide al ekvilibro ! Sed eble mi eraras ? Oni diras, ke la reboniĝo venas post elĉerpo de l'malbono. Ni atendu do trankvile kaj pacience !*

*Varsovio 25.1.34.* »

Tipe la ondo espera sekvis en animo Zamenhofa la ondon de malĝojo. Jes, la reboniĝo ja venas post glitado malsupren. Eble ni jam atingis la fundon de la krizo kaj morgaŭ ni rekomencos la resupreniron.

La junularo ja sentas, ke nia tempo preparas grandajn ŝanĝojn. Neniam la mondo estos sama poste, kia ĝi estis antaŭe. Nuntempe batalas la homoj en plena nokto por ion savi aŭ ion renversi. Dume ni ne estingu sur la monto la lumojn de la celo.

Fidele gardu tiun lampon. « Al ni la direkton ĝi montras. » Post batalo kaj detruoj venas la tempo konstrui nove. Malsamaj kapabloj tiam necesas. Malsama tasko tiam vokas.

Kian mondon ni konstruos por niaj gefiloj ? Kian mondon ili heredos de ni ? Pri tio Zamenhof havis precizan ideon. Pri tio liaj verkoj montras klaran saĝon. Ke nacioj ĉesu regi unu la alian, ke egale kaj kompreneme ili kunlaboru.

Ĉu mortis tiu volo, ĉar mortis noblaj homoj ? Ĉu malaperis la celo, ĉar oni batalas survoje ? Ĉu ne plu valoras la idealo, ĉar eble vi ne vidos ĝin triumfi en nia generacio ?

Neniel. Kiuj tenas la lampon sur la monto havas grandan respondecon. Se ni lasus ĝin elbloviĝi sen oleo, timu ke la nunaj gejunuloj iam riproĉus nin maldolĉe kaj prave : Vi ja konis la celon kaj dum ni baraktis en nokta ŝipo tra furiozaj ondoj, vi estingis la lumturon de la haveno !

Tion vi ne faros. Oleo ne manku. Firme tenu lumon.

Edmond PRIVAT.




El Stockholm oni informas pri la kongreso, ke

1. Lia moŝto princo Carl, internacie fame konata gvidanto de Ruĝa Kruco, akceptis inviton en la honoran komitaton de la kongreso. Ankaŭ la granda sveda verkistino Selma Lagerlöf estas honora komitatano.

2. Ĝis nun aliĝis al la kongreso ĉ. **1000** personoj el 19 landoj.

3. La magistrato de Stockholm oficiale akceptos la kongreson per granda solenaĵo en la granda Blua halo kaj Ora salono de la Urba domo.

4. Sveda filmasocio eternigos la kongreson per parolfilmo.

5. Traktadoj okazas pri disaŭdigo de la solena malfermo de la kongreso per la tutlanda sveda radio.

6. Ekstreme grandaj rabatoj estas konsentitaj por la postkongresaj vojaĝoj al Laponujo (norde de la polusa cirklo), Jemtland, Visby k.t.p.

7. En Stockholm kaj ĝia ĉirkaŭaĵo okazis en tiu ĉi vintro ĉ. 50 Esperanto-kursoj.

8. LKK de la Stokholma kongreso bone preparas la terenon, por ke ĉio estu preta kiam la grandaj Esperanto-karavanoj alvenos en aŭgusto ! Vin pretigu por partopreni la kongreson !

# Bildpaĝo Esperantista



*D-ro Miklas, Prezidanto de Aŭstrio.*
Protektoro de l'Konferenco Vienna « ESPERANTO » en la lernejon kaj praktikon.



La Esperantista Grupo de Hyères (Franc.) festas sian centan membron.



Pola Turing-Klubo. — Fondiĝvespero de Esp. sekcio.




Tiberio Morariu instruante laŭ Cseh-metodo



Ĉerko de Frans Schoofs † 12. III. 34. Antwerpen



Kurso de F-ino Kruka en Washington

# Frans Schoofs †

## † 12 Marto 1934

*La subita forpaso de Frans Schoofs ĉagrenas ĉiun kiu laboris kun li aŭ konis lin. Tion esprimas plej bone la artikolo de S-ro Cogen, Ninove, aperinta en Belga Esperantisto, represata tie-ĉi. Al tiuj vortoj ni ĉiuj kore aliĝas.* H. J.

Granda, grandega estas la katastrofo trafinta la Belgan kaj la internacian Esperantistaron pro la tiel neatendita morto kiu frapis en plena bonfarto kaj en la plej agkapabla epoko de sia ekzisto nian bonan amikon Frans Schoofs !

La novaĵo pri tiu terura, kruela okazintaĵo disvastiĝis en Esperantujo kun la efiko de subita fulmotondro kaj konsternis ĉiujn amikojn, ĉiujn samideanojn tutmondajn kiuj konis lin kaj sciis pri lia multjara sindonema laborado por la triumfo de l'ideo kiu fariĝis lia vivcelo kaj idealo.



Kaj tuj ni ĉiuj pensis kun emocio kaj kondolenca sento al la tiel kruele trafita kunulino de l' forrabita karulo kaj al lia apenaŭ 12-jara fileto Leono.

Kaj tuj ni ankaŭ konsciis pri la neriparebla perdo kiu trafis per tiu morto ne nur la Belgan sed ankaŭ la tutmondan Movadon.

En ambaŭ efektive Frans Schoofs estis ekstreme agema. En ambaŭ li pruvis sian amon al idealo de paco kaj de ĉiupopola interfratiĝo, sian sindonemon al tiu idealo ĝis, ni povas diri, kelkaj momentoj antaŭ tiu horo kiam, en plena konscio de sia grava malsanstato, lia animo ekforflugis al la regionoj de l'eterna paco. « Dividu la laboron » estis liaj lastaj vortoj elparolitaj sur lia klinika suferlito, al lia ploranta edzino kaj paro de ĉeestantaj amikoj.

Kaj efektive, ĉiam fidele helpata de sia sindonema, modela edzino, l'Amiko Frans, je profesio sekretario de l'Antverpena Asocio de l' malkaraj loĝejoj, kie li dejoris ĉiumatene, laboregis, jareĉe-jare, ĉiun posttagmezon kaj vesperon kaj eĉ pli longe en la nokto, por Esperanto !

Li vere kunigis en siajn manojn la tutan Belgan kaj Internacian movadojn kaj en ambaŭ li sin montris homo de devo kaj de bona, profunde pripensita konsilo.

Kiel junulo li ekkonatiĝis kun Esperanto pere de la « Ruĝkoverta Broŝuro » kiun li tradukis, en la daŭro de sia Esperantista vivo, en la Flandra lingvo sub la titolo : « Leerboekje van de internationale hulptaal Esperanto », kiu rapide havis duan eldonon.

Kunfondinto de la nun « Reĝa Esperanto-grupo de Antverpeno La Verda Stelo », li fariĝis ĝia prezidanto kaj kondukis ĝin, per organizo de multaj kursoj, de vivplenaj kaj lerte aranĝitaj kunvenoj kaj festoj ĝis nekredebla prospereco, kaj ni memoras ankoraŭ la brilajn jubileajn festojn okazintajn en la salonego « Patria », okaze de la 25a datreveno de la fondo de tiu societo kaj de la Prezidanteco de nia bedaŭrata amiko.

En nacia kampo Schoofs estis fondinto, kaj de post la milithalto, direktoro de la revuo « Belga Esperantisto ». Multe li laboris por la kreo kaj la disvolviĝo de la Antverpena Polica Grupo kies Honor-Membro li estis. Antaŭ kelkaj jaroj li starigis kun diversaj samideanoj la eldonan societon « Belga Esperanto-Instituto », sur pure komerca bazo, Societo kiu presis jam tiom da libroj, ĉu propagandaj, ĉu lernaj, ĉu literaturaj, k. c. Li prezidis ĝian Administrantaron.

Post la eksiĝo de Sinjoro A. J. Witteryck kiel Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, Schoofs, dum la kongreso de la Belgaj Esperantistoj en Mons (Pentekosto 1927) estis montrita kiel lia posteulo. En tiu kvalito li prezidis la Belgajn kongresojn en Gento (1929), en Liego (1930), en Nieuwpoort (1931), en Antverpeno (1932). en Bruselo (1933).

En internacia kampo nia Amiko, Sekretario de l'Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj, ĉefdelegito de UEA por Belga Teritorio, estis la viro de la Internaciaj kongresoj de Esperanto. Ne nur, li ĉeestis ĉiujn okazintajn post la mondmilito — diversfoje kiel oficiala reprezentanto de Belgujo — sed li kunlaboris al la preparado de la du Internaciaj kongresoj okazintaj en Antverpeno : 1911, 1928. La organizo de tiu lasta estis vere mirinda kaj oni sentis en ĝi la organizon genion de nia kompatinda mortinto !

Tre ageme kaj efike Schoofs partoprenis al la internaciaj kunvenoj de UEA aŭ instigataj de ĝi (nome en Locarno) kaj estas laŭ lia inklino ke ebliĝis kaj realiĝis la repaciĝo de UEA kaj de la naciaj societoj. Tio estis ja la plej granda kaj plej glora ago de lia tuta Esperantista kariero. Ĝi datumas de apenaŭ kelkaj monatoj.

Kaj nun tiom da multjara sindonemo al alta idealo, tiom da laboremo, tiom da lerteco, tiom da bonkoreco kaj da ĝoja humoro kaj spiriteco, post nur kvartaga mortiga malsano, haltis kaj eksilentadis en eterna ripozo ! Ni, kun koro vundita kaj danke plorante, profunde kliniĝas antaŭ tiu bela vivo, kies fadenon tro frue tranĉis la senkompata parco.

L. COGEN.

## *Literaturo*

# SENPAGAJ AĈETOJ

de William MORRIS.

*Antaŭparolo.*

Ne temas ĉi tie pri rabo aŭ forŝtelo, sed nur pri mondo senmona, mondo laborema pro la amo al arto kaj mondo kapabla profitigi ĉiujn homojn el abunda produktado per pli saĝa organizo : la estonta Britujo, kia vidis ĝin angla poeto William Morris, kies centjaran naskiĝdaton festis ĉiuj anglalingvaj popoloj la 24-an de Marto.

Malofte vivis artisto tiel kompleta, samtempe pentristo, konstruisto, skulptisto kaj verkisto en la plej nobla senco de la vorto. Nur unu gusto mankis al li, la emo al mono.

Nunan Usonon de industriuloj surprizas la severaj alvokoj de la dua Roosevelt kontraŭ emo al individua riĉiĝo kaj liaj avertoj, ke humaneco devos nun paŝi antaŭ profitemo, kiu montriĝis ne plu taŭga instigilo al homa organizo.

La samon jam diris antaŭ duoncentjaro la granda poeto kaj la profitemon, kiel labormotivon, li proponis anstataŭi per la instigilo de l'artisto : la ĝojo pri kreado.

« — Sed kiel vi laborigos homojn sen ia rekompenco?

— Sen rekompenco ? Sed la rekompenco de laboro estas la vivo. Ĉu tio ne sufiĉas ?

— Sed kiel vi rekompencos aparte bonan laboron?

— Per granda premio : la ĝojo krei. La salajro de Dio, kiel homoj estus iam dirintaj. Se vi postulos pagon por la plezuro krei, kio ĝuste signifas superecon en laboro, baldaŭ vi sendos al ni kalkulon por nasko de infanoj ! »

Tiel diskutas liaj du parolantoj en lia verko *Novaĵoj el Nenie*, kiun li mem nomis « utopia novelo pri epoko ripoza ». En la revita mondo la homoj ricevas ĉion necesan kaj belan senpage kaj laboras por agrable vivi mem kaj ebligi al ĉiuj la samon. Ne ekzistas mono. Ĉar nenio vendiĝas, la homoj ne havas avantaĝon preni pli ol ili bezonas por ne sin embarasi per senutilaj troaĵoj. Cetere ne mankas abundo de bonaĵoj kaj belaĵoj. Nur ili disponiĝas anstataŭ resti en butikoj.

En la reva novelo de William Morris, Anglo de l' deknaŭa centjaro subite vekiĝas en la dudekunua kaj vizitas, kvazaŭ fremdulo, la ŝanĝitan hejmlandon. En boato li veturas sur la rivero Thames kaj alproksimiĝas al Londono.

Malaperis la nigraj fabrikturoj. Nova ponto gracia kun ŝtonaj arkaĵoj pensigas lin al amata *Ponte Vecchia* Firenza. Belaj ĝardenoj kaj dometoj ornamas ambaŭ bordojn. Grandaj arboj staras sur loko de antaŭaj strataĉoj. Ĝojas la surprizato pri la beliĝo de Londono.

*Unua rakonto.*

Por pagi la boatiston, mi metis la manon al poŝo kaj demandis « kiom ? » kun ia ne komforta impreso, ke eble mi proponas monon al ĝentilhomo.

La boatisto ŝajnis mirigata kaj respondis : « Kiom? Mi ne komprenas pri kio vi demandas. Ĉu pri la metroj de mara tajdo ? Se jes, tiam ĝi baldaŭ refalos je tiu ĉi tempo. »

Mi ruĝiĝis kaj balbutis :

— « Mi petas, ne miskomprenu, se mi demandas. Mi ne volas ofendi vin, sed kiom mi devas pagi al vi pro la transporto ? Vi ja vidas, ke mi estas fremdulo kaj ne konas viajn kutimojn aŭ viajn monerojn. »

Tiam mi tiris el mia poŝo kelkajn monerojn, kiel oni faras en fremda lando kaj mi rimarkis, ke miaj arĝentaj ŝilingoj tute nigriĝis kun la tempo...

La viro ne komprenis kaj rigardis la monerojn interese kiel muzeaĵojn...

— « Eble vi intencas min plezurigi », li diras. « Vi pensas, ke mi faris al vi servon, tial vi opinias, ke vi devas al mi doni ion, kion mi ne donu al najbaro ĝis ankaŭ li faros ion specialan por mi. Pri io simila mi jam aŭdis, sed pardonu se mi diras, ke al ni ĝi ŝajnas teda kaj ĉirkaŭvoja kutimo ; kaj ni ne scias kiel agi laŭ ĝi.

Komprenu : pasigi la homojn trans la riveron aŭ ilin veturigi ĉi tien per boato, tio estas ja mia okupado kaj por iu ajn mi ĝin farus. Tial akcepti donacon pro tio estus vere strange. Plie, se iu donacus ion, ankaŭ alia donus, kaj plia, kaj tiel plu senfine. Espereble vi ne juĝas min malĝentila, se mi diros, ke mi ne scius kien meti tiom da signoj de amikeco.

Pri viaj moneroj... nu kuriozaj ili estas, sed ne tre malnovaj. Ŝajnas al mi, ke ili ĉiuj datas el epoko de la reĝino Viktoria. Vi povus ilin donaci al iu ne bone provizita muzeo. La nia jam posedas tiajn kaj ankaŭ sufiĉan nombron da pli malnovaj. Iuj estas vere belaj, dume tiuj deknaŭcentjaraj aspektas sengustaj, ĉu ne ? Ni posedas moneron de Eduardo III-a kun la reĝo sur ŝipo kaj etaj leopardoj kaj lilifloroj sur la tuta rando, ĉarme kaj delikate prilaboritaj. Komprenu. Mi ŝatas prilabori oron kaj belajn metalojn. Tiun ĉi bukon mi mem gravuris. »

---

Mirigite, la revenanto vizitas la rekonstruitan Londonon kaj, anstataŭ Picadilly, vidas luksajn butikojn kun trotuaro, kovrita per elegantaj arkaĵoj kiel en antikvaj urboj de Italujo. Amike la boatisto lin gvidas tien, kie li deziras trovi tabakon.

*Dua rakonto.*

En bela kaj simpla magazeno, kun tabularoj ĉe la muroj, sidis du geknaboj, unu brunhaŭta knabo, eble dekdujara, leganta libron, kaj ĉarma knabino, eble dektrijara, ankaŭ leganta ĉe la kontoro. Videble gefratoj.

— « Bonan tagon, najbaretoj, diris la boatisto. Mia amiko jena deziras pipon kaj tabakon ; ĉu vi povas lin kontentigi ? »

— « Ho, jes, certe », respondis la knabino kun iom amuza decidemo. Ekrigardis ankaŭ la knabo kaj miris pri miaj nekutimaj vestoj, sed subite ruĝiĝis kaj deturnis la kapon kvazaŭ li sentis, ke li ne dece kondutis per tia rigardego.

— « Kara najbaro », diris la knabino kun la plej solena sinteno de infano ludanta je butiktenado, « kian tabakon vi ŝatus ? »

— « Latakian », mi respondis kvazaŭ mi partoprenus en infanludo kaj miranta, ĉu mi ricevos ion realan. Sed la knabino deprenis korbeton el tabuleto apuda kaj iris al vazo, elĉerpis kvanton da tabako kaj metis la plenigitan korbon sur la kontortablon, kie mi tuj povis flari per bonodoro, ke ĝi estas vera kaj bonega Latakia.

— « Sed vi ne pesis ĝin », mi diris, « kaj... kiom mi prenu ? »

— « Nu », ŝi diris, « mi konsilas, ke vi plenŝtopu vian saketon, ĉar eble vi vojaĝos al lokoj, kie vi ne trovos Latakian. Kie estas via sako ? »

Mi traserĉis miaj poŝojn kaj fine eltiris la pecon de presita kotono, kiu servas al mi kiel tabakujo. Sed ĝin rigardis la knabino iom moke kaj diris :

— « Kara najbaro, mi povas doni al vi ion multe pli bonan ol tiu kotona ĉifo ». Kaj ŝi baldaŭ revenis alportante ruĝan marokan saketon gaje broditan. « Nu », ŝi diris, « mi elektis por vi kaj vi ĝin havu. Ĝi estas beleta kaj entenos multon. »

Tiam ŝi plenŝtopis ĝin je tabako kaj donis al mi dirante : « Nun pri la pipo. Ankaŭ tion lasu min elekti, ĉu ne ? Tri beletaj pipoj ĵus envenis. »

Denove ŝi malaperis kaj revenis kun luksa pipo, tre arte skulptita el ia malmola ligno kaj ornamita per oro kun ŝtonetoj. Ĝi estis pli bela ludilo ol iam mi vidis, io kiel la plej bonaj japanaĵoj, sed pli plaĉa.

— « Kara mia » ! Mi diris admire. « Tio estas ja multe tro grandioza por mi aŭ por iu ajn, escepte Imperiestro de l'Mondo. Cetere mi ĝin perdos. Ĉiam mi perdas pipojn. »

Iom ĉagrenata ŝajnis la knabino kaj ekkriis : « Ĉu vi do ne ŝatas ĝin, najbaro ? »

— « Ho jes, kompreneble mi ĝin ŝatas ! »

— « Nu, tiam prenu ĝin kaj ne turmentu vin, ĉu vi perdos ĝin aŭ ne. Kiel gravos, se okazos eĉ tiel ? Iu certe ĝin trovos kaj uzos ĝin kaj vi povos ricevi alian. »

Mi ĝin prenis en manon por ĝin rigardi kaj farante tion forgesis jam prudenton kaj demandis : « Sed kiom mi nun devos pagi por tia mirindaĵo ? »

La boatisto metis manon sur mian ŝultron kaj liaj okuloj esprimis ion rideme por min averti kontraŭ denova elmontro de mortinta komerca etiko. Tial mi ruĝiĝis kaj retenis mian langon, dum la knabino rigardis min profundgrave, kvazaŭ mi estus fremdulo erarinta pri vortoj, ĉar klare ŝi tute ne komprenis mian frazon.

Trad. Edmond PRIVAT.

# Jogurto kaj kefiro

La kamparano konis de longa tempo la sanigan efikon de la acida lakto kiel tre bonfartigan manĝaĵon kaj dum somero kiel refreŝigan trinkaĵon. Mečnikoff pruvis la sanigan influon de la acida lakto kaj de acidaj lakto-produktaĵoj je la intestoj, forigante per regula uzado certajn bakteriojn, kaŭzantaj la putriĝon.

Konata estas la Jogurto ankaŭ en okcidentaj landoj, dume en la Balkano, Turkujo kaj en orienta Eŭropo ĝi estas ordinaraĵo jam de jarcentoj. La unua aŭtentika informo pri la fabrikado de la acida lakto datas el jaro 1712. En Bulgarujo, la hejmlando de la Jogurto, oni uzas lakton de ŝafo, bubalo, bovino aŭ kaprino. Kuirante la lakton oni reduktas ĝin ĝis 3/4 de ĝia volumeno, malvarmigas ĝis 45 % (Celsio) kaj aldonas Jogurton, unu kuleron po litro. La Jogurto estas aŭ la bulgara *Podkvasa* aŭ la turka *Maja*. Por ebligi la malrapidan falon de la temperaturo oni envolvas la ujon per lantukoj. Dum kvar horoj oni ne tuŝas la preparon. Dum tiu ĉi tempo plimultiĝas la mikro-organismoj en la lakto kaj la Jogurto transigas la laktozon parte en laktacidon kaj igas la likvaĵon gelaten-simila, do dikigita. Estas la kemia procedo de koagulado.

Por atingi bonan Jogurton necesas tri specoj de bakterioj : Bacterium bulgaricum, Thermobacterium Yoghurt kaj Streptococcus Thermophilus. En Centra kaj Okcidenta Eŭropo oni kutimas ne dikigi la lakton, ĉar la produktaĵo tiel ricevota pli konvenas al la gusto. Bedaŭrinde la Jogurto estas ankoraŭ ne sufiĉe atentata kiel facile digestebla kaj de ĉiuj uzebla trinkaĵo fortiga kaj saniga. Ĝi kapablas ekzemple forigi eĉ obstinajn perturbojn de digestado, dank' al la laktacido de 0.8 ĝis 1 %. El la bulgara acida lakto kiu anstataŭas ofte en sia lando la kafon oni preparas ankaŭ tre bongustan fromaĝon.

Jogurto estas la produktaĵo de nura koagulado de laktacido, dume la Kefiro estas kombinaĵo de alkohola kaj lakta koagulado. La preparo estis konata ĝis la 19-a jarcento nur al la popoloj en Kaŭkazo, sed ĝi estas malnova el antikva tempo. Laŭ la tradicio de tiuj popoloj, la kefirgrajnoj, servantaj por la fermentado estas donaco de la profeto Mahometo al siaj kredantoj.

Malsimile al Jogurto, la kefiro ŝaŭmas forte. Farita el kuirita bovinlakto, ĝi entenas meze 0,5 % etilalkoholon kaj 0.7 % laktacidon. Ĝi havas acidetan odoron kaj agrablan guston. La digeston faciligas la kazeino diserigita en etaj flokoj kaj la karbo-dioksido. Pro tio la kefiro estas uzata kun ŝato kiel fortiga rimedo ĉe resaniĝantoj kaj de personoj kun malforta digestado.

Laŭ la esploroj de Freudenreichs necesas por akiro de bona kefiro unu aŭ pluraj specoj de fungobakterioj (Sakaramicetaceoj), por komencigi la alhoholan fermentadon, kiel ankaŭ du el la streptokoko-specoj kaj la bacilon *Bacterium caucasicum*, por la efektivigo de la laktacida fermentado. Tiuj mikro-organismoj troviĝas en la kefirgrajnoj, ne mankeblaj kiel kefirfermento. Tiu ĉi « milio de l' profeto » kiel nomas ĝin mahometanoj konserviĝas tre bone ĉe seka, malvarmeta loko dum jaroj, ne perdante la kapablon, kaŭzi pli malfrue la kefir-fermentadon. La sekaj, flavete koloritaj, grajnoj posedas forte varian diametron inter 2 ĝis 50 mm. Ili ŝveliĝas en varmeta akvo al formaĵoj similaj al florbrasiko. La preparo de bone gustanta kaj senmanka kefiro postulas profundan fakscion kaj ĝi postulas ankaŭ precizan labormetodon, pro kio ĝia akiro estas rezervata al sperta laktejopersonaro. Jogurto kaj Kefiro ambaŭ plej sanigaj kaj boninfluaj je la digestado ne estas tiom disvastigataj en la okcidentaj landoj, kiom ili meritas.

(Prilaboris G. Agricola.)

# Tra la libraro

**Aliaj literaturaĵetoj. — Lernolibroj.**

---

*La deka kanto de la Odiseo,* estas traduko, per esperantaj heksametroj, de unu ĉapitro el la greka epopeo. La provo estas interesa kaj la traduko facile legebla, komprenebla, ĝenerale bonsona. La tradukinto, Giles Dixey, komencis sian laboron post duhora ekstudo de nia lingvo, kaj finis ĝin unu monaton poste; laŭ li, la 575 versoj sekvas bone la ritmon de l' originalo kaj efikas saman impreson. Jen specimeno:

« Dum tiel en la haveno profunda l'aliaj mortadis,
Mi, mian glavon bonakran tirinte de mia femuro,
Tranĉis disige la ŝnurojn per ĝi de la ŝipo bluprua,
Kaj, instigante la virojn, ordonis rapide remegi
Per ĉiuj fortoj, ke tian ni katastrofon evitu.
Kaj ili supren remĵetis la ŝaŭmon, timante detruon. »

---

Kortuŝa legendo, imagaĵo de l' sveda verkistino Selma Lagerlöf, aperas en tre zorge eldonita broŝuro; ĝi estas: *La infanoj de Betlehem,* unu el tiuj ĉirkaŭkristaj rakontoj, samtempe naivaj kaj miraklaj, kiuj similas al multkolora primitiva pentraĵo, ame kolorigita. La esperantigo de Oscar Frode estas tre bona.

En: *La fabelo pri la granda turo kaj la malgranda doktoreto,* S-ro H. Fischer skribis rakonton legindan, kiu ankaŭ estas varbilo por nia celo. En ĝi, la deveno de Esperanto iĝis kvazaŭ fabelaĵo, kaj ĝia aŭtoro D-ro Zamenhof, bona feo. Du el la sekvaj rakontetoj: kiel mi fariĝis Esperantisto, kaj: La feliĉa vilaĝano, estas tiom spritaj kiom konvinkigaj. Trafe la aŭtoro proponas traduki ilin nacilingven, kaj petas kolekti similajn spritaĵojn por pluaj numeroj de la komencita: Biblioteko de propagandisto.

*Barbro kaj Eriko,* de Alois Schneider kaj Magda Carlsson, letera romaneto, estas korespondado inter junaj aŭstro kaj svedino, kiu formas agrablan kaj amuzan legaĵon en korekta simpla stilo; la broŝuron ornamas kelkaj belaj fotoj. Per-, pri-, kaj por-esperantaĵo, ĝi estas ankaŭ taŭga legolibreto.

---

Lukse eldonita, kun silktola tegaĵo, biblia papero, eleganta formato, 450 paĝoj, aperas en 3-a eldono la: *Perpoema Vortaro Esperanto-Japana.* Laŭ la antaŭparolo, la sola parto por ni komprenebla, tiu sola tiaspeca vortaro permesos al Japanoj, ne sciantaj fremdajn lingvojn, lerni kvazaŭ ridetante la Esperantajn vortojn. La aŭtoro, majstro de Oomoto movado, Onisabro Deguĉi, ekverkis ĝin post kelksemajna lernado de Esperanto, kaj kun ekstrema facileco li, ne interrompante sian laboron, elcerbigis 3.600 poemetojn dum 15 tagoj. Ĉiu el ili, trideksilaba, entenas unu Esperantan radikon kun ĝia prononco, traduko kaj senco. Por la 3-a eldono, la aŭtoro aldonis 900 novajn kaj nun sume estas 4.500 tiaj memorhelpaj poemetoj.

Ankaŭ por Japanoj, sed tamen bone uzebla de alilingvanoj, la: *Praktika Konversacio Esperanta,* de Ŝ. Inoue, kiu ja parolas « kvazaŭ Esperanto estus lia patrina lingvo ». Se jam ekzistis bonaj lernolibroj, mankis taŭga parolekzercilo. La esperanta kaj japana tekstoj estas apudaj, kaj en 53 dialogoj ili pritraktas okazaĵojn laŭ la jarsezonoj aŭ laŭ diversaj temoj; piedpaĝaj notoj klarigas vortojn aŭ esprimojn. La enhavo estas varia, interesa, eĉ sprita aŭ poezia, ĝenerale modelstila, malgraŭ kelkaj strangetaj formoj aŭ ideoj. Jen komenco de konversacio:

« Finfine la longedaŭra malgaja vintro foriris kaj la tero estas denove sub la regado de la ŝatata kaj ĉarma printempo. Ĉie sur la tero ni jam povas klare vidi ĝian agrablan spiradon; montoj, kampoj sin ekornamis per freŝaj vestoj por saluti la revenantan diinon de l' Printempo. Sur bordoj de riveroj ludas kun facila vento gracilaj branĉetoj de salikoj, donante freŝecon al la de studado lacigitaj okuloj. »

La: *Cours pratique d'Esperanto,* estas por franclingvanoj plena, tre detala instruilo. Ĝi estas aranĝita laŭ la antaŭa: Cours rationnel et complet, konservis ĉiujn bonajn partojn de tiu rimarkinda kurso, sed forigis la paĝojn aŭ paragrafojn tendence klasbatalajn. Novaj partoj estas konsiloj al lernantoj kaj instruantoj, konversacioj, korektotaj frazoj, krucvortoj. Oni vane serĉas tion, kio povus manki en tiu abunda materialo, en tiu ricevo je vortoj, kunmetaĵoj, ekzemploj, modeloj, komentoj, atentigoj, specialaj esprimoj, konfuzeblaj terminoj.

Por hispanoj la bela, granda: *Gramatica, Ejercicios y Diccionario,* de Manuel Caplliure Ballester. Post la deksesregula, venas tre detala gramatiko, kies 30 ampleksaj lecionoj preterlasas nenion utilan; tiu parto formas la unuan duonon de l' libro. La dua konsistas el duobla vortaro Esperanto-Hispana kaj Espanol-Esperanto. La tuto estas tre zorge aranĝita kaj eldonita.

En la franclingva komentaro: *Les 16 règles de l'Esperanto,* Jean Moreau, per teksto foje iom seke teoria, sed tre preciza, traktas ĉiujn punktojn iom malfacilajn por tiuj, kiuj deziras funde koni nian lingvon aŭ ĝin instrui. Kelkaj rimarkoj pri lingvoscienco kompletigas la libron.

Du novaj *Ŝlosiloj,* unua: *Serb-kroata,* eldonita de Jugoslavia Esperanto-Ligo, dua: *Islanda,* kun helpo de Federacio de Islandaj Esperantistoj, kreskigis la nombron de tiuj libretoj, tiel utilaj kiel vortaretoj, kaj malrekte kiel propagandiloj; estas ĝojiga fakto. En la due citita, presita en Reykjavik, oni rimarkas la parencecon de Islanda lingvo kun la ĝermana familio, multajn akcentitajn literojn kaj tre longajn vortojn, specialaĵojn de tiu aglutina idiomo.

Ankaŭ speco de ŝlosilo, kvankam de alia formato: *Kio estas Esperanto,* kun teksto greklingva pri la lingvo, ĝia gramatiko kaj vortaro esperanta-greka. Mi notis en ĝi ekzemplojn de tiuj vortoj nure formitaj el afiksoj, kvazaŭ esence pure esperantaj, kiel: ilaro, estreco, ariĝi, egiĝi, etulino, nedisigebla, k.t.p.

Jen ankoraŭ tri legolibretoj por komencantoj aŭ kursoj, ĉiuj tri tre taŭgaj. La unua broŝureto, adaptaĵo de Kervran, estas interesa legaĵo, resumo de la konata: *Robinson Kruso*; sed en 12 paĝa rakonto la temo perdas iom sian valoron. Estas en la teksto tro da verboj en kunmetitaj tempoj, kie simplaj sufiĉus, krom se oni tion intence faris por kutimigi al ili la lernantojn. La dua, *Dialogoj kaj komedietoj,* de Einar Dahl, dua tia kolekto, entenas 10 amuzajn scenetojn, kiujn oni povas legi, traduki, lerni kaj precipe ludi, kaj tiel praktike ekzerci la fluan paroladon. La tria, *El la nebulo,* de Christian Hougaard, konsistas el ĉapitroj, unue tre facilaj, kiuj formas historion de personoj vojaĝantaj al Esperantujo, feliĉa fora insulo; la miksaĵo de realaj faktoj kaj de plena fantazio faras tiun alegorion iom stranga, sed ne malplaĉa.

15 Marto 1934. G. S.

---

# La Levanto-Foiro en Tel-Aviv

### La proksima oriento progresas.

Parolanta pri la landoj de l'oriento ni uzas laŭ kutimo la esprimon « la vekiĝantaj ». Sed efektive ĝi jam delonge malnoviĝis. Nun estas pli trafa la esprimo « vekiĝintaj », precipe se ni parolas pri la Proksima Oriento.

La proksimorientaj landoj marŝas nun gigantpaŝe antaŭen sur la vojo de kultura kaj materiala progreso; malkaŝas siajn naturajn riĉaĵojn kaj ekspluatas ilin, disvolvigas siajn kreajn fortojn, kaj paŝo post paŝo ŝanĝas sian internan vivordon kaj eksteran aspekton. La rejuniĝinta Turkujo anstataŭigas la iaman fanatikan konservativismon per samgrada fanatismo je moderneco. Irak konstante eligadas el la profundoj de sia tero novajn krudmaterialojn. Cipro modernigas sian terkulturadon, Sirio plibonigas siajn produktojn, la dezerta Arabio fariĝas iom post iom grava konsumanto de eŭropaj varoj.

Super ruinoj de Ŝeĥerezadaj palacoj fumas fabrikaj kamentuboj kaj apud Bibliaj monumentoj grincas maŝinoj...

### La rolo de l'orienta Mediteranea bordo en la batalo por la progreso.

La eŭropa kulturo venke almilitas novajn provincojn por la homa progreso, kaj en ĝia konstanta marŝado antaŭen, orienten servas al ĝi la orienta bordo de l' Mediteraneo kiel baza elirpunkto, unua etapo kaj staba centro. La tuta ĉeborda terstrio, kaj precipe ĝia suda parto — Palestino, estas la loko el kiu la progreso daŭrigas sian batalon por akiri novajn regionojn por la homaro; sian batalon kontraŭ la dezerto.

Ni ne forgesu, ke Palestino estas natura ponto inter tri kontinentoj, vojkruciĝo inter la marvojoj de la promontoro Bona Espero — al Eŭropo kaj de Gibraltaro — al la Persa Golfo. Vojoj kontinentaj, maraj kaj aeraj en ĉiuj direktoj, renkontiĝas ĉi tie, en la vera geografia centro de l' Malnova Mondo. Kaj ne nur geografia, ankaŭ strategia, komerca, trafika, kaj — iam — kulturspirita.

### Palestino kiel liveranto.

Palestino estas nun, laŭ atesto de anglaj parlamentanoj « la plej rapide disvolviĝanta lando en la tuta mondo » kaj « la unika lando, kiu ne havas ekonomian krizon », aŭ : « la unu sola lando, kiu eĉ nun konstante bezonas novajn laboristojn kaj suferas pro ilia manko »...

La eŭropana loĝantaro de Palestino pligrandiĝis dum la lastaj 5 jaroj je 60 % kaj la ne-eŭropa je 12 %. Ĝia terkulturado kreskas rilate al spaco, specoj, kvanto, kvalito, formo kaj laborrimedoj, ĉiujare. Ĝiaj unuarangaj vinoj, vinberoj, olivoj, migdaloj, bananoj kaj tritiko estas fame konataj, kaj precipe ĝiaj ĉie ŝatataj oranĝoj, grapefruktoj (pompelmusoj) kaj aliaj citronspecoj (la « jaffa »-oj). La produktado de palestinaj fabrikoj jam ampleksas je ĉiuspecaj enlandaj kaj tutorientaj konsumbezonaĵoj de teksaĵoj, trikotaĵoj, mebloj, ledaĵoj, manĝaĵoj, kemiaĵoj, ĝia ferindustrio kaj luksaĵproduktado, de plejmoderna urbokonstruado, ĝis ludiloj kaj artmetiaĵoj. De London ĝis Shangai de Johanesburg ĝis Varsovio oni jam konas kaj ŝatas la liveraĵojn kun la ŝtampmarko : « Made in Palestine »

### Palestino kiel konsumanto.

Sed malgraŭ sia progresema industrio, ĉar Palestino estas lando de konstanta enmigrado, kiu kreskas en ritmo pli rapida ol la disvolviĝo de loka industrio, ĉi lasta neniam sufiĉas plene kontentigi la landajn bezonojn. Tial la eksport-importa bilanco ĝia estas ĉiam pasiva. La lando aĉetas eksterlandajn komercaĵojn por sumo ĉiujare kreskanta (lastan jaron por 10.000.000 £).

Ĉar Palestino servas ankaŭ por la tuta Proksima Oriento kiel vendagento de eŭropaj produktaĵoj, kaj estas transitvojo por eksterlandaj komercaĵoj, do ni povas kompreni, kial batalas inter si tiom multaj landoj por akiro de palestina vendokampo, kaj kial ili dediĉas tiel atentan intereson al ĝiaj foiroj, okazantaj de tempo al tempo en Tel-Avivo.

### Tel-Aviv, la Printempa Monteto

Tel-Aviv, kune kun sia pli malgranda, sed pli malnova najbarino, Jaffa (entute 135 mil loĝantoj) estas la plej granda urba centro sur la orienta bordo de l' Mediteraneo. La urbo estas fondita en la jaro 1909, kiel eksterurba kvartalo de Jaffa. Post la mondmilito ĝi havis nur 3 mil enloĝantojn. Tiam komenciĝis la hebrea enmigrado Palestinon, kaj la « ĝardenurbeto » Tel-Aviv (— Printempa Monteto) ekkreskis amerika-rapide. Loĝantoj 1919 (3.000) ; 1922 (12.000) ; 1924 (21.000) ; 1926 (35.000) ; 1931 (50.000) ; 1933 (80.000).

La urbo estas tute eŭropa laŭ aspekto kaj ordo. Ĝi estas tre bele kaj oportune konstruita. Bona sanigejo, grava industria kaj komerca centro por tuta Levanto, kaj unu el la plej gravaj kulturaj centroj de Palestino (politeknikaj lernejoj, konservatorioj, superaj lernejoj, teatroj, muzeoj, opero, ekspozicioj k.t.p.) Tel-Aviv kaj Jerusalemo estas la plej interesaj turist-allogejoj; la lasta pro sia antikveco, la unua pro sia noveco. Precipe ĝiaj ĉiujaraj printempaj karnavaloj, ĝiaj periodaj grandaj sportkunvenoj kaj finfine la foiroj allogas milojn da vizitantoj el ĉiuj partoj de l' mondo.

Samtempe kun la ĉijara foiro okaros ankaŭ la jubileaj festoj de Tel-Aviv, okaze de ĝia 25-jara fondiĝa datreveno.

### La Tel-Aviva foiro — pordego de l' Levanto.

La telaviva Levantfoiro estas la unika negoc-areno, kiu servas al la komerca prospero de tuta Mez-oriento. Ĝi estas kvazaŭ pordego, tra kiu pasas la eŭropaj produktaĵoj al Egiptujo, Sirio, Irako, Transjordano, Cipro, Turkujo, Persujo kaj Arabio. La komerca periferio de la Tel-Aviva foiro ampleksas landojn kun 50 miliona loĝantaro, kiuj importas ĉiujare eksterlandajn varojn por 80.000.000 £, kaj kies konsuma kapablo konstante kreskas. (Ĉi tiu importo egalas tiun de Hindujo kun 350, kaj de Ĉinujo kun 450 miliona loĝantaro.)

La Tel-Aviva foiro estas unuaranga internacia renkontejo kaj komerca centro. Partoprenis ĝin :

| Jaro | firmoj eksterlandaj | el landoj | foirvizitantoj |
|---|---|---|---|
| 1929 | 121 | | 120.000 |
| 1932 | 821 | 24 | 300.000 |

kun 10 oficialaj eksterlandaj regnaj pavilionoj.

La nunjara Tel-Aviva foiro en ĉiuj rilatoj multe superos la pasintan; plej bona pruvo por tio estas la intertempe duobliĝinta nombro de Tel-Aviva loĝantaro kaj la duobliĝo de l' grundspaco dediĉita de la urbestraro al la foiro.

La tereno de Tel-Aviva foiro en 1929 estis 26.000 kvm, 1932 50.000, 1934 100.000, kun dudek diverslandaj apartaj pavilionoj.

J. Kohen-Cedek
Jerusalem.

# LA FOIRO EN TEL-AVIV



Nova Foirejo dum konstruado.



Jerusalemo, malnova urboparto.

**Okazontaĵoj esperantistaj.**

Ankaŭ la palestina esperantistaro partoprenas la ĉi-jaran foiron.

Por plisukcesigo de poresperanta propagando en Palestino kaj la najbaraj landoĵ, kaj por plirapida disvastigo de nia ideo kaj lingvo, speciala Esp-stando estos aranĝita en la foiro, kun konstanta deĵorado kaj informservo.

En oranĝ-ĝardeno.







Tel Aviv : Foirejo dum konstruado.

En la komenco de Majo okazos en Tel-Aviv Mezorienta Esp.-kongreso kaj dum ĉi tiu kongreso okazos ankaŭ la solena inaŭguro de la unua Zamenhof-strato en tuta Azio. Unu el la gravaj novkonstruitaj stratoj de Tel-Aviv estas dediĉita de l' telaviva urbestraro al la eterna glora memoro de nia Majstro.

Jen kial ni, palestinaj esperantistoj ne dubas, ke inter la vizitantoj de Tel-Aviv dum Aprilo kaj Majo estos multaj samideanoj et ĝiuj landoj de la mondo.

Rikoltfesto de infanoj en Tel-Aviv.



# SAVANTO EN DANĜERO

HUMORAĴO DE K.R.G. BROWNE

Sinjoroj Higgins kaj Twigg marŝadis penseme tra la promenejo de Westinghampton, florante kuracloko apud Bryhton.

Elegante vestitaj per modaj ŝuoj, gantoj kaj ĉapeloj, S-roj Higgins kaj Twigg ŝajnigis du tre solidaj, junaj, elegantaj riĉuloj de la tiel nomata « plej bona societo » kiuj senzorge ĝuadis la belan vivon.

Se observanto tion estus eventuale konkludinta, li certe ege erarus !

Do, S-roj Higgins kaj Twigg vivadis tre aventurplene kaj la rimedo de iliaj negocaferoj tute ne povas esti nomata « honesta ».

Ili trompis modestajn komercistojn, fabeladis al facilkredemaj maljunulinoj kortuŝajn aferojn, vendadis al ekskursantoj « antikvaĵojn » mem fabrikitajn, skribadis kambiojn sen garantiaĵoj, kaj de tempo al tempo ne rifuzis etajn poŝ-ŝtelajojn. Do, ili uzis ĉiujn ruzaĵojn, por fortimigi la fantomon de l'mizero kaj malsato. En tiu ĉi momento ilin ne tre favoris la feliĉo, multaj cirkonstancoj devigis ilin subite forlasi Londonon — kia malagrablaĵo — ĝuste en tiu ĉi tempo, kiam la senmoneco ilin forte katenis.

S-ro Higgins demandis sian kunulon : « Ĉu vi posedas monon, Joe ? » kvankam li bone sciis, ke la monujo de Twigg suferis je ftizo.

« Du ŝilingojn, dekunu pencojn » respondis Twigg kun malserena mieno.

« Kaj mi posedas tri ŝilingojn, ses pencojn » diris sinjoro Higgins, tintigante la monerojn. « Bonegaj perspektivoj por nia estonteco, tion mi nepre devas diri. Oni povus preskaŭ — honestiĝi. Kie ni dormos tiun ĉi nokton ? »

« Nu, ĉu tio eble plaĉus al sinjora moŝto ? » opiniis Twigg kaj montris per la fingro al la bela luksa, brilega « Imperial » Hotelo, apud kiu ambaŭ preterpasis. « Hm », respondis Higgins amare.

« Nu, ni kontentiĝu ekdenun dormadi sur la benkoj de parko. Ĉu vi havas cigaredon ? » « Eĉ ne peceton » respondis s-ro Twigg. « Jes, mi rezignas je lito — kaptu ĝin la diablo, sed pri fumado mi ne rezignos. Ĝi estas mia sola malvirto, forte min reganta. »

Ni do vidas Higgins kaj Twigg enpaŝi malhelan etan butikon, en kiu oni ricevas cigaredojn — ĉion — eĉ — fumaĵitan haringon. En tiu ĉi magazenaĉo troviĝis bubo, kiu en la angulo ŝajnis ekzercadi strangan, per baraktantaj movoj ornamitan popoldancon.

« Knabo », diris Twigg, « kion vi faras nun ? » « *Mi mortigas cimojn* », respondis la bubo, ĉesigante siajn baraktadojn. « Ni posedas abundon. La ĉarmaj cimetoj bruege krevas, se mi ilin piedpremas. Kion vi deziras, sinjoro ? »

« Knabo, donu dekduon da ĉerknajloj », respondis Higgins. « Ĉu vi scias, ke vi maljuste agas, piedpremi senarmajn bestetojn ? Eĉ tia cimeto havas animon, same kiel... »

Li interrompis sian paroladon, ĉar Twigg ekkaptis lian brakon. Lia vizaĝo montris klare ian ekscitiĝon. « Sam », diris Twigg, « mi havas ideon ». Kaj sin direktante al la turmentanto de la senkulpaj cimetoj, li daŭrigis : « Knabo, donu al mi *dekduon da cimoj* ». « Kiom ? » demandis mirigite la eta fripono. « Mi volas dekduon de viaj senkulpaj bestetoj — sed vivantajn. Donu ilin kaj ne demandu por kia celo. Vi ricevos duonŝilingon, ĉu vi vidas ? »

La knabo servopreta plenumis lian deziron. Ke la negoco farita estas mistera, eksterordinara, tio ne interesis la etan vendiston. « Gajno estas gajno — kaj duonŝilingo — duonŝilingo », kombinis la cerbo.

Kvin minutojn poste, lasante duonŝilingon sur la tablo, elgrimpis la du noblaj animoj, en la manoj skatolon kun dekduo da mirigitaj kaj malbonhumoraj cimoj. Ekstere Twigg ekhaltis, ridetis, poste tiris sian kunulon al la elegantega, marmorkovrita pordo de « Imperial » Hotelo, flustrante al li. « Mi vetas, ke ni *hodiaŭ nokte* tie ĉi dormos kaj nenion pagos. » « Ĉu vi vere opinias tion », respondis la skeptika Higgins. « Kiamaniere vi ekagos ? » Kun mienoj de perfekta komedianto klarigis Twigg al sia respektplene aŭskultanta kunulo la tutan proceden. « Tio estas bonega ideo. Tio estas mondskuanta afero. Ni ekmarŝu kuraĝe antaŭen. »

La « Imperial » Hotelo volontege gastigis Sinjorojn Twigg kaj Higgins. Ili aspektis fidindaj, solidaj, parolis firme kaj decide ; la ordonema maniero, prizorgi iliajn pakaĵojn troviĝantajn en stacidomo, ekvekis respektplenan admiron. Ankaŭ iliaj nomoj (ili enskribiĝis P.C. Mainwaring el Parizo kaj J.C.W. Marjoribanks el Londono) igis la hotelon plene konfidi al la elegantuloj. Bedaŭrinde ĝi ne posedis du apartajn ĉambrojn, sed asertis humile kaj respektplene, ke la sinjoraj moŝtoj trovos ĉiun komforton en la ĉambro n-ro 312 kaj ne havos kaŭzon plendi pri malvasteco de l'ejo.

Ni nun alproksimiĝas al deka horo de la sekvanta tago, dum kiu tempo la direktoron de Imperial Hotelo atingis la sciigo, ke en la ĉambro n-ro 312 ondas maltrankvileco, ekscitiĝo. Demandante la kaŭzon de tiu ĉi ekscitiĝo, la direktoro ricevis respondon, kiu kaŭzis al li tie ĉi nereprodukteblan vorton. Li kuris fulmrapide al lifto. Ĉe la pordo n-ro 312 li renkontis S-ron Higgins kies vizaĝo estas modela ekzemplo de trompita fidemo. En la fundo de la ĉambro embuskis S-ro Twigg, kiu enuigite oscedis. « Tio estas bela afero » hurlis Higgins. « Ni opiniis loĝi en hotelo, kiu zorgas pri sia bonfamo kaj reputacio. » « Sinjoroj », diris la direktoro, kies frunton kovris pizograndaj ŝvitgutoj, « Mi tion ne povas kredi. Vi certe eraras ». « Ni eraras ? » respondis Higgins kaj Twigg. « Rigardu mem, kara sinjoro ! »

Kaj la « kara sinjoro » rigardis. Eligis oreldisŝiran laŭton. Ĉar sur la tapiŝo, kien li rigardis konsternite, rampadis trankvile grasa cimaĉo, li ektremis — forturnis sian rigardon — ekvidis alian cimon, kaj multajn, multajn tiajn. Liaj konsternitaj okuloj rigardis, kvazaŭ la tuta ĉambro estus aliformiĝinta je « cimokampo ».

« Belege surprizo », diris Higgins. « S-ro Marjoribanks kaj mi maldormis la tutan nokton, nin turmentis la teruregaj bestaĉoj. Kompreneble ni tuj forveturas. Krome, ni avertos ĉiujn niajn amikojn *ne* viziti tiun ĉi... »

La direktoro grincis per la dentoj, elŝiris siajn buklojn kaj estus preskaŭ plorinta. Li indulgon petante alrigardis Higgins kaj Twigg. « Sinjoroj », li plorpepis singultante, « tio estas nekredebla. Neniam ĝis nun troviĝis cimeto en nia hotelo kaj ni estas fieraj pri tio. Sed se oni ekscios, ke ni « cimiĝis », ni tuj bankrotos. Se la famo disvastiĝus, ke... » « Famo ? » respondis Higgins. « Eble senkaŭza diskonigo ? Ni petas niajn fakturojn. »

« Ne, ne », respondis la direktoro, kiu preskaŭ ploris. Nenia kalkulo estas bezonata, sinjoroj. Nia tasko estis, servi al vi kaj kontentigi vin, ni estis respondecaj. Mi petas la estimatajn Sinjorojn, ne ripetu la malfeliĉan okazintaĵon. » Mi komprenas », diris Higgins. « Nenia kalkulo, nenia diskonigo. hm ? » Li fiksrigardis rigidmiene al Twigg, kiu solene

balancis la kapon. « Bone, vi ne volas scii pri la fakturo, do ni forgesu pri la malagrablajoj. »

La direktoro preskaŭ svenis pro dankemo profunda. Propramane li ekkaptis la kofrojn de Higgins kaj Twigg — kaj direktis sin al lifto. Persone li akompanis siajn adiaŭantajn gastojn al pordo, delikate kondukis ilin tra ĝi, de supra ŝtupo lastan koregan dankvorton por adiaŭo sur siaj lipoj « Sinjoroj », diris la direktoro, « mi dankas al vi. Se vi nin denove honorigos, estu certaj, ke ne estos plu kaŭzo por... »

Nova voĉo interrompis lian humilan paroladon. Voĉo de eta, malpurega bubaĉo, kiu staris ĉe ŝtuparo, amike alridetis Twigg kaj etendis al li skatoleton.

« He, he sinjoro », diris la etulo. « Ĉu vi denove bezonas *cimojn* ? Tie ĉi troviĝas 49 pecoj, belegaj ekzempleroj. Hieraŭ vi pagis al mi por dekduo duonŝilingon. Hodiaŭ havu la tutan kolekton por unu ŝilingo. »

[Trad. Minuŝka Mantlówna.]

---

# Ĝis la Fina Venko !

De Ĉ. Sirouĉi.

La jena poeziaĵo estis verkita de japana samideano kaj legita dum la Zamenhofa festo en Fukuoka 1932.

*Jen purpuro en la oriento*
*Ekanoncas ĝojon de l'estonto,*
*Sed ankoraŭ griza firmamento*
*Staras preme super nia fronto.*

*Ni delonge migris en dornejo*
*Suferante solaj pro l'afero,*
*Kaj obstine pluen al Transejo*
*Ni tramarŝas plenaj de espero.*

*Nin denove provas la ĉielo,*
*En krepusko iĝas vente, nube,*
*Tamen sub la gvida verda stelo*
*Ni transiros venke — ja sendube.*

*Fratoj lacaj sur la kruta vojo,*
*Vidu ekbrileton de l'aŭroro,*
*Vane estas ĝemi en malĝojo,*
*Vin preparu por decida horo.*

*Sur la kampo zorge kulturata*
*Fortaj estas jam burĝonoj niaj,*
*Por la bela tago promesata*
*Floru, fruktu malgraŭ batoj ĉiaj.*

*Kaj nin ofte trafu la turmento,*
*Ni de deflankiĝos, nek ripozos,*
*Eĉ se pli kaj pli rapida vento*
*Antaŭ la tagiĝo furiozos.*

*Vin hardante tra l' sufer' destina,*
*Marŝu, ne defalu vi, kolegoj,*
*Nin instigas la maksimo ĥina :*
*« Firman herbon montros la ventegoj ».*

*Meze d e l' ĥaoso hodiaŭa*
*Do batalu brave, avangardo,*
*Por la bono de l'homar' morgaŭa*
*Ho triumfu baldaŭ la standardo!*

---

# Sado-Ŝima

**(Japana infankanto. Sado-Ŝima estas insulo.)**

de J. Saiĉo.

*San, san, Sado-maro,*
*Granda la ondo.*
*San, san, Sado-ŝima*
*Naĝas sur ondo.*

*Ŝip, ŝip', la ŝipeto,*
*Velo, ventelo.*
*Kar', kar', kara onjo*
*Tien foriris.*

Pa', pa', panjo al mi
Iam rakontis.
Or', or', ora monto,
*Ŝima de oro.*

*Kar', kar', kara onjo,*
*Kie vi estas,*
*Ti, ti, tien iri*
*Mi tre deziras.*

*Ni, ni, Niigata,*
*Belaj iridoj,*
*Flo', flo', floras bele,*
*Kaj eksomeras.*

*San, san, Sado-maro,*
*Ondoj, ondegoj.*
*San, san, Sado-ŝima*
*En malproksimo.*

Esperantigis el japana :
Okumura-Rinzo.

---

# Aforismoj

*El la verko « Rigardoj al la vivo kaj mondo »*
*de kroata verkisto Ante Dukiĉ*

*La kapon kovru antaŭ nenies monujo.*
*Juneco trinkas, maljuneco pagas.*
*Kion vi ricevas, ĉizu sur ŝtono; kion vi donas, skribu sur glacio.*
*Antaŭ ora bovido nur bovidaro kliniĝas.*
*Hundo ne bojus sub arbo, se ĝi povus surgrimpi ĝin.*
*Kiu pro fiereco ne volas rekoni sian pekon, tiu ne havas eĉ eron [da fiereco.*
*Al kiu oni montras la pordon, tiu kutime vidiĝas mizera kaj [ridinda; ĉar per unu piedo li kuras kaj per la alia li paŝas.*
*Manĝu per ligna kulero — kaj parolu per ora buŝo.*
*Ne disvastiĝu, kvazaŭ la tuta mondo estus la via; sed vi eĉ ne [cedu al aliuloj, kvazaŭ la tuta mondo apartenus al ili.*
*Laboru senlace — tio estas — neniam ĝis eklaciĝo.*
*Ekzistas ankaŭ viroj scivolemaj; do ili ja ne estas kulpaj, ke [virino ilin naskis.*
*Virgeco estas belaĵo — patrineco estas sanktaĵo.*
*Bela virino sen koro — senodora estas floro.*
*Kiu sentas la muzikon de la parolo, tiu komprenas ankaŭ la [parolon de la muziko.*

*Esperantigis :*
*Mavro Ŝpicer, Zagreb.*

# VISBY, Urbo de ruinoj kaj rozoj

Jam en jaro 900 estis Gotland, insulo oriente de la suda parto de Svedlando, mezpunkto por la mondkomerco. De Novgorod (Ruslando) ĝi iris trans Gotland kaj de tie plu en okcidenten, kaj ĉirkaŭ jaro 1.100 Visby, la centra loko de Gotlando, fariĝis unu el la plej gravaj komercaj lokoj de Eŭropo. Visby fariĝis membro de la tiu tempe tutpotenca komerca ligo Hansa, kaj dum la grandperiodo de ĝia historio la urbo Visby kreskegis je riĉeco kaj potenco. Preĝejoj kaj pompaj gilddomoj estis konstruitaj, kaj la granda « Ringmuren » (« Ringa muro »), konstruiĝis ĉirkaŭ la tuta urbo.



Visby : Parto de l'urbamuro.

Tiel floris Visby, « la naĝanta kastelo sur sia reĝa maro, la venkinto de la maro, kies vorto estis leĝo vaste ĉirkaŭe ». Sed — potenco ofte anstataŭigis la rajton, kaj aroganteco naskiĝis. Malamo kaj enviemo vekiĝis al la riĉa komerca



Interno de l'ruino de S-ta Katarino

urbo, kaj nun sekvis dum jarcentoj sangaj bataloj, teruraj hontajoj kaj dezertigaj rabadoj de danoj kaj germanoj. La komercaj vojoj jam komencis iri aliajn vojojn. Lübeck nun prenis la direktadon de la Hansaligo, kaj depost 1470 Visby ne plu estas inter la Hansa-urboj. Kaj la mortbaton ĝi ricevis 1525, kiam la Lübeck'anoj atakis la urbon. La urbo fariĝis dezerto, la haveno sabliĝis, la havenaj konstruaĵoj forputriĝis, la vardomoj estis malplenaj, kaj la siatempe tiel floranta ŝipirado malaperis. Preĝejoj kaj monaĥejoj kuŝas en ruinoj, herbo kreskas super la portaloj de la muro — estas la silento




de la Morto, kiu sin kuŝigas super la Reĝino de Ostersjön...

Sed la tempo ŝanĝiĝis. Saĝa de la spertoj de jarcentoj, Visby denove floras. Ree pulsas la vivo, ankoraŭfoje fremduloj al la rava kaj bela insulo tie oriente, kaj Visby iras estas ĝia plej bela juvelo kun plej riĉaj memoroj el la historio de la Nordo. Sed nun la fremduloj venas kiel amikoj kaj ravigitaj pro la beleco kiun posedas la urbo, kaj aŭskultas senspire al la legendoj, kiujn rakontas la eterna legendo de la Nordo kaj la Homaro.

Visby — urbo de ruinoj kaj rozoj... viaj someraj tagoj estas kiel akvo por soifanto, ripozo por korpo kaj animo.

Bernhard Eriksson.

# Diversaĵoj

## 25-a Brita Kongreso

La 25-a Kongreso de la Brita Esperantista Asocio okazos en Hastings, ĉe la suda marbordo de Anglujo, dum Pentekosto. Oni aranĝis tre allogan programon kun koncertoj, balo kaj ekskursoj, kaj jam samideanoj el Francujo, Nederlando, kaj Belgujo aliĝis. La Loka Komitato multe laboras por certigi sukcesplenan kunvenon, kaj tre kore bonvenos amikojn el eksterlandoj kiuj povos ĉeesti.
Aliĝilojn kaj plenan informon oni povas ricevi ĉe la Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London, W. C. 1.

## Nov-Zelanda Esperanto-Kongreso

La 5a Kongreso de la Nov-Zelanda Espéranto-Asocio okazis en Wellington, je 26-27-28 Dec. 1933. Je la 26a de Decembro, posttagmeze, la kongreso estas formale malfermita de S-ro W. Nash, parlamentano, kiu bonvenigis la kongresanojn. S-ro Nash tre favore parolis pri nia lingvo kaj movado. La Prezidanto de N.Z.E.A., S-ro L. E. Dust, poste oficiale malfermis la kongreson. Klubaj delegitoj donis siajn raportojn kaj salutojn. La Prezidanto laŭtlegis la multajn leterojn kaj telegramojn ricevitajn de neĉeestintaj kongresanoj.
Dum la vespero de la sama tago, okazis la ĝenerala kunsido de la N.Z.E.A. Oni elektis la oficistojn por la jaro 1934. Oni akceptis la raportojn kaj bilancon, kaj dankis al la Sekretario kaj la Kasisto.
Estas diskutita, la internacia organizo (Interkonsento de Kolonjo). Oni decidis, ke ne estas oportune al N.Z.E.A., plialtigi la kotizon de membroj, necesa por ebligi la pagon de kotizo al la Internacia Organizo; la kunsido tamen esprimis varman aprobon al la principoj de la Interkonsento de Kolonjo. La kunsido, aklame dankis la eksiĝintajn oficistojn pro ilia laboro.
La oficiala kunsido de la Nov-Zelanda Teritorio de UEA, okazis je la 27a, dum la mateno. S-ro Bertram Potts, Dumviva Membro de UEA, prezidis. La Ĉefdelegito, S-ro L. E. Dust, klarigis la staton de UEA en Nov-Zelando, ke li daŭrigis la laboron malgraŭ malfacilaĵoj. Li parolis pri delegitoj, klarigis la staton de la teritoria kaso li menciis, ke nenia plendo estas ricevita dum la jaro pasinta. S-ro Dust ankaŭ priparolis la morton de UFE, kaj klarigis la nunan situacion de UEA, rilate al la Interkonsento de Kolonjo. Li mallonge parolis pri la Jubileo de UEA.
Ĉar la oficperiodo de la ĈD kaj la Helpanto, S-roj Dust, kaj S-ro Wm. H. King, kiuj estas Dumvivaj Membroj de UEA, baldaŭ finiĝos, S-ro Dust petis de la kunsido, ĉu oni deziras ŝanĝon de tiuj oficistoj, aŭ ĉu oni havas rekomendon. La kunsido esprimis aprobon kaj dankon al la ĈD kaj H. pro la laboro farita, kaj rekomendas al la Centra Oficejo, ke la nunaj ĈD kaj H plue funkciu. Pri starigo de pluaj delegitoj en Nov-Zelando, oni petis la ĈD'n, ke li klopodu tion fari. La kunsido esprimis grandan plezuron, konstati la finan unuiĝon de ĉiuj instancoj de la Esperanta movado, kun UEA kiel la Centro. Kun dankesprimoj al la Ĉefdelegito kaj Helpanto, kaj al la Prezidanto de la kunsido, la kunsido fermiĝis. La UEA kunsido okazis tute en Esperanto.
Dum la posttagmezo de la sama tago, okazis kvar mallongaj prelegoj en Esperanto, de spertuloj. Tiuj prelegoj estis tre interesaj. Poste okazis diskutoj pri la temoj pritraktitaj, kaj pri kongresaj aferoj ĝenerale.
Dum la vespero okazis bonega koncerto kun ludo de du komedioj, en Esperanto. La komedioj estas aranĝitaj de S-ro Bertram Potts, kiu mem partoprenis. La tute riĉa programo estas plene ĝuita de la ĉeestantaro, kiu aplaŭdis. Sukcesa koncerto, aranĝita de la Wellington Esperanto-Klubo.
La fermo de la kongreso okazis je la 5a vespere, ĉe restoracio altgrada, kie la kongresanoj temanĝis kaj honoris la diversajn tostojn, inkluzive tiun al nia UEA, la nuna Centro de la Esperanto-movado. La eksiĝanta prezidanto, S-ro L. E. Dust, dankis la anojn de N.Z.E.A., pro la fido kaj subtenado donita al li dum du periodoj, kaj esperis, ke la samaj fido kaj subtenado estu disponitaj je la nova prezidanto, S-ro W. L. Edmanson, el Wellington. Tiel finiĝis tre sukcesa kvankam malgranda kongreso.
Tuj post la fermo de la kongreso, la Honora Sekretario, S-ro W. H. King, donis 18 minutan paroladon pri Esperanto, el Radio Stacio 2 YA, Wellington, kiu havas tre vastan dissendopovon. S-ro King bonege kaj tre interese traktis sian temon.

L. E. D.

## 5-a Flandra Kongreso de Esperanto. Ostendo, Pentekosto 1934.

La 5-a Flandra Kongreso de Esperanto okazos en la marurbo Ostendo, la 19-an, 20-an, 21-an de Majo 1934.
La programo mencias :
*Sabaton:* kunvenoj de F.L.E. ; interkonatiĝa kaj kabaredvespero ; esperantista dancorĥestro.
*Dimanĉon:* Diservo kun esperanta prediko ; inaŭguracio de la flago de la loka grupo ; oficiala akcepto en la urbodomo ; jubilea kunsido de F.L.E. ; bankedo ; fotografado ; teatraĵo, dancfesto.
*Lundon:* vizito al la nova banpalaco kaj al la parko ; komuna tagmanĝo ; ludoj kaj konkursoj ĉe la marbordo.
La kongresanoj, eĉ izole vojaĝantaj, ricevos 35 % da rabato sur la Belgaj fervojoj ; por la marvojaĝo Dover-Ostendo oni ĝuos 30 % da rabato, kio certe allogos la Anglajn samideanojn.
Je intenco de la alilandaj partoprenantoj, la kongreskomitato prizorgis ĉefe la amuzan parton de la programo. Ostendo, alnomita « La reĝino de la maro » estas la plej interesa banloko de la Norda Maro kaj la restado tie ne estas multekosta. Ĉar la urbo estas multe vizitata dum Pentekosto, ni insiste rekomendas al ĉiuj rezervigi al si loĝadon kiel eble plej tuj. Kotizo : 12 belgaj frankoj.
Adreso de la Kongreskomitato : Plakkerstraat, 37, Oostende.

## BEA Aŭtomobilo

Oni scias, ke la Brita Esperantista Asocio en 1929 aĉetis aŭtomobilon. Dum kvar jaroj ĝi bone laboris kaj kuris proksimume 100,000 mejlojn. En la komenco de 1933 oni forvendis ĝin, kaj aĉetis novan, iom pli grandan. La aŭtomobilo portas propagandan tekston, kaj altiras multe da atento. Ĝi montris sin tre utila por vizitoj al grupoj kaj kunvenoj, librovendistoj kaj individuoj ; por la portado de libroj, ĉe la aranĝo de kongresoj, kaj alimaniere.
En la jaro 1933 la nova aŭto kuris 24.400 mejlojn. Ĝi vizitis 119 kunvenojn tra tuta Britujo. El tiuj vizitoj al kunvenoj, 36 estis al grupoj aŭ federacioj ; 35 estis al lernejoj (specimena leciono), kaj la ceteraj 48 al propagandaj kunvenoj diversspecaj. Unu rekta sekvo el tiuj vizitoj estis librovendado ĝis valoro de 88 britaj funtoj : krome oni ricevis kotizojn ĝis 6 funtoj kaj donacojn ĝis 7 funtoj. Sekvo nerekta, sed ankoraŭ pli grava, estis la ebligo de pli intima kontakto inter la Centra Oficejo kaj la diversaj grupoj kaj kursoj — ofte tre izolitaj — dissemitaj tra la tuta lando.
El la sperto, do, oni povas rekomendi al aliaj landaj asocioj la havigon de propra aŭtomobilo. (M. C. B.)

## Budapeŝta Foiro Internacia

En Budapeŝto okazas ĉiujare internacia specimenfoiro, aranĝita de la Budapeŝta Komerca- kaj Industria Ĉambro. Partoprenas pli ol 1,200 ekspozantoj. La Foiro ekzistas depost 1906, estas do -krom la Leipzig-a la Paris-a- la plej malnova en Eŭropo tiaspeca. Ĝi estas la plej grava renkontejo por produktantoj kaj aĉetantoj de sudeŭropo. La vizito de l' Foiro estas favorata en 23 eŭropaj ŝtatoj per 25-50 % malaltigo de l' vojaĝkostoj. Pro tio signifas la Foiro la kulmino de l' Budapeŝta fremdul-trafiko. Dum la dektaga daŭro de l' Foiro alvojaĝas kvinono de la tutjara trafiko ; t.e. ĉirkaŭ 65,000 fremduloj, inter ili 20,000 eksterlandanoj.
Specialan rolon ludas la Budapeŝta Foiro Internacia dum la nuntempaj cirkonstancoj, dum kiuj la importo kaj eksporto kaj la pagebleco en tuta Eŭropo estas eksterordinare limigitaj. La Budapeŝta Foiro Internacia certigas ĉiujare gravajn transport-, enmagazenkaj eksportfaciligojn, kiuj malgraŭ la nunaj krizaj tempoj ebligas la interŝtatan interŝanĝon de komercaĵoj.
La Foiro okazas en la plej granda parko Budapeŝta en la t.n. « Urba Arbareto » meze de plej bela kaj moderna ĝardenkulturo. Ĝia ĉefdomego, la Industria Halo estas konstruita en la jaro 1884 kaj prezentas jam hodiaŭ maloftan klasikan monumenton de la ferkonstruado dum la 80-aj jaroj de l' XIX-a jarcento.
Informoj pri la Budapeŝta Foiro Internacia donas la Foira-Oficejo : *Budapest*, V., Alkotmany-ucca 8. Plie la honoraj reprezentantoj de l'Foiro en ĉiuj grandaj urboj de l'mondo kaj la hungaraj oficialaj oficejoj en eksterlando.

## La nekonata batalanto

Per tiu ĉi rubriko ni sinsekve aperigas mallongajn, se eble telegrafstilajn biografiojn de samideanoj — silentuloj — kiuj laboris por la movado, sed pri kiuj, parolas nek kanto nek historio.

Apud la eminentuloj estas la aro da homoj, kiu ne postlasas memorajojn, sed kies persista laboro abelsimila ja sukcesigis la ideojn de la eminentuloj. Al ili apartenas tiu-ĉi paĝo.

Ni danke akceptas atentigojn kaj informon por la tiu-ĉi fako. Ni dauriĝas ĝin per la biografio de



### A. W. THOMSON (Avoto)

Naskiĝis 15.III.1896 en Hammersmith, apud Londono. Skotaj praavoj. Esperantistiĝis 1911 kaj renkontis multajn el la malnovaj pioniroj. Servis kvar jarojn en la brita armeo dum la milito kiel brankardisto (vunditzorgisto). Dum tiu periodo kompilis la verketon « Rimvortaro Esperanta », kiun eldonis BEA en 1918. Samjare fondis la Skoltan Esperantistan Ligon, kaj nun atingis 15 jarojn da prezidanteco. Skribis amason da artikoloj, broŝuroj, versoj ktp. Dejoras kiel kostkalkula komizo ĉe grava elektra kablofabrikanta firmo Callender. Kondukis ĉirkaŭ dekduon el la monataj diservoj en Londono. Delegito de UEA en Bexleyheath, Kent.

## Enketo

### pri Esperanto en libertempaj tendaroj

La « Fédération Internationale des Associations d'Instituteurs » en Parizo kiu ampleksas pli ol 500.000 geinstruistojn starigis en sia kongreso en Praha (1929) planon de rekonstruo de la instruado. En la nunjara kongreso okazonta dum la somero la delegitoj sin okupos pri du demandoj : 1. la formiĝo de la geinstruistoj ; 2. la problemo de la libera tempo por la gejunuloj. La sekretariejo dissendis antaŭe demandaron por havigi al si raporton pri la situacio en ĉiuj landoj. Por ni, Esperantistoj, unu el la demandoj estas grava, nome :

Ĉu vi opinias eble la okazigon de internaciaj libertempaj tendaroj en ĉiu lando ? Sub kies kontrolo ? Kun kies kunlaboro ? Ĉu vi preferas por tiuj tendaroj Esperanton aŭ la elementojn de la naciaj lingvoj ?

Por informi la sekretariejon de FIAI pri la rezultatoj, jam akiritaj per Esperanto en internaciaj tendaroj kaj ĉe infaninterŝanĝoj, la Laborkomitato de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (Sekretariejo : Nassauplein 15a, Groningen, Nederlando) demandas al ĉiuj, kiuj havas spertojn pri ĉi tiu afero, sendi raporton (kiam eble en unu el la de FIAI uzataj lingvoj (franca, angla, germana, hispana kaj en Esperanto). Ni petas respondon je la subaj demandoj :

1. Kie kaj kiam okazis la tendaro (infaninterŝanĝo) ?
2. Kiom da infanoj partoprenis ? Knaboj, knabinoj ?
3. Kiom da jaroj ili havis ?
4. Kian lernejon ili vizitis ?
5. Kiom da tempo ili studis Esperanton kaj kie ?
6. Kia estis la aranĝo de la tagordo en la tendaro ?
7. Ĉu oni organizis prelegojn, ekskursojn ?
8. Al kiu nacio la infanoj apartenis ?

Aldonu vian ĝeneralan impreson pri la sinteno de la infanoj.

Ni petas kiel eble plej baldaŭan respondon, por ke ni ĝustatempe povu sendi la raporton al FIAI.

Por la laborkomitato de TAGE : W. H. MOOK.

## En kelkaj linioj



*** Pro reorganizo de la oficejo oni decidis, ke de nun mi tenu la oficojn interalie de Redaktoro de The British Esperantist, Bibliotekisto, Eduka Sekretario, kaj Propaganda Sekretario. De nun oni adresu ĉiun korespondajon pri The British Esperantist, la Biblioteko, kaj Edukaj aŭ Propagandaj aferoj, rekte al mi je la adreso :

36 Penrhyn Road, Kingston on Thames Surrey, Anglujo.

Al tiu adreso oni sendu ankaŭ librojn por recenzo, kaj gazetojn por interŝanĝo. Ĉiun alian korespondajon oni adresu al la Sekretario de la B.E.A., S-ro C. C. Goldsmith, ĉe 142 High Holborn, London, W. C. 1., kiel antaŭe.

MONTAGU C. BUTLER, *Propaganda Sekretario de la B.E.A.*

*** La grava firmo Pála, akcia societo en Slany Ĉeĥoslovakio, nomas novan fabrikajon, tri-elementan baterion normalan, *Esperanto Palaba*, kaj uzas tre belajn plurkolorajn etikedojn kun esp. stelo kaj klariga teksto en korekta lingvo.

*** En 1935 okazos en Stokholmo, Tutmonda Rovera (pli-aĝskolta) tendaro, kunveno kaj Mondskoltar-estrara Kunveno. Jam nun proponu al roveroj kaj skoltestroj de via loko, ke ili lernu ĝis somero 1935 Esperanton kaj uzu ĝin reciproke.

*** La konata firmo Karolina, fabrikado de biskvito kaj keksoj en Osijek, Jugoslavio, baptis markon de biskvito *Esperanto* kaj surmetigis tekstojn presitajn belaspekte kaj alloge sur luksa papero. La biskvitoj estas riceveblaj en la tuta lando.

*** Nova Zamenhof-strato ekzistas en la moderna urbo hebrea Tel Aviv laŭ informo en la urba gazeto de Tel Aviv, n-ro 4, Januaro 1934. (Laŭ M. S.).

*** La budapesta grupo de HES komencis nacilingvan paroladserion por atentigi la publikon al agado de la societo. La parolantoj estas eminentuloj, kiuj prezentas diversajn komuninteresajn temojn, ekzemple eksministro dro. *Lukacs* parolis pri la Ligo de Nacioj, parlamentano *Magyar* pri Fremdultrafiko, parlamentstenografeja direktoro *Siklossy*. pri vizito en Londono. Ĉiumonate estas literatura vespero. La prelegoj okazas ĉiuvendrede vespere je la oka horo. VI., Jokai ter 6. Ĉeestas 50-100 personoj. Gazetoj kelkfoje raportas.

*** La politika ŝanĝo en Aŭstrio havis kiel sekvon la dissolvigon de l' Laborista organizo, Aŭstria Laborista Ligo Esperantista. (Laŭ informo en Viena gazetaro).

*** En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Akcia Societo « Centra Esperanto Librejo » en Hago (Nederlando), okazinta la 24-an de Februaro, la bilanco kaj la konto de perdoj kaj profitoj estis aprobataj kaj la dividendo pri 1933 fiksata je 5 ½ % (antaŭan jaron 6 ½ %). Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. Ravestein Jr.

Konforme al la statuto la kunveno priparolis la dividon de la plia profito kaj decidis donaci 34.22 guldenojn al la Komitato por la starigo de D-ro Zamenhof - monumento en Bergen op Zoom (Nederlando).

*** La XII-a Tutmonda Tendaro de Skolta Esperantista Ligo okazos 16-31 Julio 1934, en montaro Tatry en Slovakio laŭ invito de Esperanto Fako de Centro de Slovakaj Katolikaj Skoltoj, Bratislava-adreso : Kapitulska ul. 18. Ĉ.S.R.). Taga prezo Kč 13.—. Verŝajne estos aparta tendaro por skoltinoj.

Instruu skoltojn esperante kaj ili vizitu la SEL-tendaron ! Zorgu, ke almenaŭ unu el via regiono iru.

## RADIO POLA: PRELEGOJ EN ESPERANTO (KRAKÓW: 304,3 m.; 986 K Hz.)

| Dato | Prelego pri : | Parolanto : |
|---|---|---|
| 2 Majo . . . . . . . | Pola kulturo en la lasta kvaron-centjaro | D-ro St. Lempicki. |
| 16 Majo . . . . . . . | Rezervajoj kaj naciaj parkoj en Polujo | D-ro Wall. Goetel. |
| 30 Majo . . . . . . . | Polaj inventoj | D-ro F. Burdecki. |
| 13 Junio . . . . . . . | Somero en Pollando | Prof. R. Wacek. |

Rimarkoj : Dissendo el Krakovo, 22h daŭro ĝis 22,20.— Aŭskultantoj danku *Polskie Radjo, Warszawa.* Por eblaj informoj,demandoj pri tiuj regulaj dissendoj skribu al S-ro Tadeusz Hodawski, Polskie Radjo, Krakôw. Profitu, uzu, konigu tiujn dissendojn

# Universala Esperanto-Asocio



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

Centra Oficejo :

1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

26-a Administra jaro 1934 :

N-ro 4 — Aprilo 1934

Bankkonto :

Société de Banque Suisse

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko :* Genève I. 2310.

*Voĉdono Statuto.* — Post tre zorga kontrolo la Centra Oficejo dissendis la 5-an de Marto la Oficialan Bultenon n-ro 29 kun ekzemplero de l'nova statuto kaj aron da aldonoj.

*Respondkuponoj.* — Ni atentigas, ke okaze de servopeto al Delegito de UEA, oni uzu la respondkuponojn de UEA. Jen kion skribas la D en Bombay pri tio :

S-ro Divekar, delegito en Bombay malaprobas la kutimon de fremdaj korespondantoj sendi poŝtan respondkuponojn anstataŭ la UEA'ajn. La kutimo montras mankon de fiereco kaj estimo pri UEA, se kaj kiam la UEA'aj kuponoj estas aĉeteblaj.

*Teritoria Sekretario.* — S-ro C. Rousseau Franca Ĉefdelegito proponis nomi lian helpanton, S-ro Roger Bernard, teritorian sekretarion, konforme al Art. 34 de la nova statuto. Plezure ni akceptas tiun ĉi proponon kaj bonvenigas S-ron Bernard (Delegito en Bois Colombes, Seine) en la vicon de la administraj funkciuloj de UEA.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto : Dua Serio :*

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo ........................ | Frk. Svis. 17.100.— |
| 58. S-ro André Boyer, Cannes ....... | 300.— |
| | Frk. Svis. 17.400.— |

*Unuecigo de gazetoj.* — UEA invitis S-ron Teo Jung veni al Ĝenevo por diskuti eblecon de komuna eldonado de ESPERANTO kaj de Heroldo de Esperanto. Pro ekonomiaj kaj aliaj cirkonstancoj ne estas eble trovi nuntempe praktikan solvon. La demando estos rekonsiderata pli malfrue.

*Bilanco* 1933. — La Paska Kunveno de la provizora estraro de UEA komisiis S-rojn Generalon Bastien kaj Blaise por ekzameni la bilancon de 1933. La kutima konfirmo tekstas jene :

La subskribintoj resume ekzamenis la kontojn kaj la ferman bilancon de la Administra jaro 1933. Laŭ ĝenerala impreso ili konstatis, ke ĉio estas bonorde enskribita, kaj ke, sub la impulso de la Direktoro, la kasisistino plenumis tre zorge sian komplikan laboron.

Ĝenevo, 3 Aprilo 1934.

L. BASTIEN. — P. BLAISE.

La detala kontrolo okazos per fakulo elektota de la Estraro.

***Subtenantoj.*** — La jenaj samideanoj bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj:

### Kvara listo

76. S-ro G. T. Knol, Coeverden, Nederlando.
77. S-ro L. de Lang Everssen, Arcen, Nederlando.
78. F-ino J. H. Hoestra, Wassenaar, Nederlando.
79. S-ro J. M. Duinker, Den Burg, Nederlando.
80. F-ino Tj. Pastina, Rotterdam, Nederlando.
81. F-ino B. M. Bresler, Werkendam, Nederlando .
82. S-ro A. Paolet, San Vito al Tagliamento, Italio.
83. S-ro Johannes Karsch, Lausa-Weixdorf, Germanujo.
84. S-ino Elly Zollmann, Lausa-Weixdorf, Germanujo.
85. S-ro F. P. Huber, Kőln am Rhein, Germanujo.
86. S-ro A. Graf von Pestalozza, Mŭnchen, Germanujo.
87. S-ro Curt William, Stettin, Germanujo.
88. S-ro P. Schott, Rostig, Germanujo.
89. S-ro Emil Lehm, Dresden, Germanujo.
90. S-ro Conrad Hahmann, Wiednitz, Germanujo.
91. S-ro W. Barley, Benrhyn Bay, Britlando.
92. S-ro G. W. Roome, Sheffield Britlando.
93. S-ro W. J. Pratt, Dundie, Britlando.
94. S-ro A. E. Smith, Kettering, Britlando.
95. F-ino V. C. Nixon, Bournville, Britlando.
96. S-ro R. K. Hurgon, Folkestone, Britlando.
97. F-ino Alice Schenk, Essertines, Svislando.
98. S-ro Fr. Azorin Izquierdo, Cordoba, Hispanujo.
99. S-ro Fr. Westphal, Wiesbaden, Germanujo.
100. S-ro C. J. Jahn, Kopenhago.
101. S-ro K. Th. Hansen, nr. Nőrre Sundby, Danlando.
102. Mustafa Ali el Hamadi, Misir, Egipto.
103. S-ro Louis Blot, Angers, Franclando.
104. S-ro Charles Tiard, Paris, Franclando.
105. S-ro Célestin Rousseau, Bécon-les-Bruyères, France
106. F-ino Erica Dietz, Strasbourg, Franclando.
107. S-ro Edouard Jung, Strasbourg, Franclando.
108. S-ro A. Engelmann. Rosny-sous-Bois, Franclando.
109. S-ro Edmond Lefebvre, Viroflay, Franclando.
110. S-ro François Soubranne, Tulle, Franclando.
111. S-ro Léon Truffart, Aumale, Franclando.
112. S-ro Edgard Jouis, Rouen, Franclando.
113. S-ro C. Naumoff, St. Germain-en-Laye, Franclando
114. F-ino E. C. L. Silcox, Hall, Britlando.
115. S-ro J. H. Fitton, Forest Hill, Britlando.
116. S-ro G. L. Preedy, Reading, Britlando.
117. F-ino Eleen de B. Daly, Bordighera, Italio.
118. S-ro Ettore Aprosio, Camporosso, Italujo.
119. S-ro Fernando Zacché, Mantova, Italujo.
120. S-ro Emilio Amor Rolán, Orense, Hispanujo.
121. F-ino Amalia Nunez Dubus, Pamplona, Hispanujo.
122. S-ro Endre Fejér, Debrecen, Hungarujo.
123. S-ro Pál Tolnai, Budapest, Hungarujo.
124. S-ro Korbinian Thalmeier, Kammer, Germanujo.
125. S-ino Klara Ems, Krefeld, Germanujo.
126. S-ro Sigmund Freund, Breslau, Germanujo.
127. S-ro Willy Zeidler, Bln-Pankow, Germanujo.
128. S-ro E. H. Ede, Cardiff, Britlando.
129. S-ro G. D. Buchanan, Glasgow, Britlando.
130. S-ro C. B. Mergan, Brightlingsea, Britlando.
131. S-ino M. G. Kramers, Apeldoorn, Nederlando.
132. Dordrecht's Esperanto Unuiĝo, Nederlando.
133. S-ro William Fenton, Vancouver, Kanado.
134. S-ro J. Witkowski, Ranville, Franclando.
135. S-ro Giordano Bruno Lopez, Buenos Aires, Argentine.
136. S-ro Mauricio Jagoda, La Ceiba, Honduras.
137. S-ro Valjko Ramadonovic, Zemun, Jugoslavio.
138. S-ro Djura Borošić, Beograd, Jugoslavio.
139. S-ro Hans Poensgen, Solingen, Germanujo.
140. S-ro D-ro Bär, Altenstadt, Germanujo.
141. S-ro D-ro Wolthat, Rostock-Gartenstadt, Germ.
142. S-ro Georg Bohne, Halle a-Saale, Germanujo.
143. S-ro Adolf Mŭnz, Berlin, Germanujo.
144. S-ro Boris Fulda, Berlin.
145. S-ro D-ro ing. K. Hiller, Sŭrth bei Kőln, German.
146. S-ro Albert Läufer, Mainz am Rh. Germanujo.
147. S-ro Max Taetz, Kőnigsberg i. Preus. Germanujo
148. S-ro D-ro R. Mehmke, Stuttgart, Germanujo.
149. S-ro Josef Bamberger, Mőrs-Hochstrass, Germanujo.
150. S-ro Wilhelm Maier, Mŭnchen, Germanujo.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Britlando

*Erith* (Kent). — D : A. W. S. Raxworthy, 7, Av. Road.
*Heswall* (Cheshire). — D : C. G. Chinn, « Welwyn », Meadway.
*Hexham on Tyne* (Northumberland). — D : R. W. Hornsby, 10 Market Place.

### Danlando

*Esbjerg* (Jylland). — D : Th. E. Thomásen, Torvegade 53, I.
*Kerteminde* (Insulo Fyn). — D : G. Kelstrup, Hojskolen.

### Egiptujo

*Port-Saïd.* — D : Georgo Haddad, ĉe Ottoman Bank.
*Suez.* — D : Iskander Hanna, Custom House Estimator.

### Francujo

*Pontarlier* (Doubs). — D : Joseph Kalina, 24, r. de la Loge.
*Rosny-sous-Bois* (Seine). — D : Raoul Comel, 201, av. Jean-Jaurès.

### Germanujo

*Ahlen* (Westfalen). — D : Wilhelm Gummich, Warendorferstrasse 19.
*Elberfeld* (Rheinland). — D : Oswald Orf, Dorotheenstr. 10, Wuppertal-Elberfeld.
*Euskirchen* (Rheinland). — D: Walter Vesper, Mŭnstereifelerstr. 101.
*Gittersee* (Dresden-Sachsen). — D : Robert Wolf, Birkigter Hang 43.
*Gladbeck* (Westfalen). — D : Otto Lesch, instruisto, Knickmannstr. 11 ; VD : Josef Fechner, skulptisto, Bahnhofstrasse 46.
*Neustadt* (Marburg Land). — D : Hermann Korell, instruisto (Lehrer).
*Norden* (Ostfriesland). — D : D-ro Anton Nordwall, Bleicherslohne.

*Pirna a.d. Elbe* (Sachsen). — D : Gerhard Weise, Breitestr. 4.
*Preussisch-Bornecke* (Magdeburg). — D : W. Hoffmann, Bruchtor 2.
*Zittau* (Sachsen). — D : Anton A. Ehm, Bahnhofstr. 32, HH.; VD : Johannes Schmidt, modeltajloristo, Ottokarplatz 2.

### Hispanujo

*Alicante.* — Antonio Baró Segimón, 27 Mare Nostrum.
*Alcacer* (Valenzia). — D : Blasco Eug. Hernandez, Calle Pablo Iglesias 8.
*Callosa de Ensarria.* — D : Vicente Perles Moncho, instruisto.

### Hungarujo

*Györ.* — D : Pál Berán, Dugonits ucca 22.
*Püspokladany.* — D : Kálmán Papp, tanito.
*Salgotarjan.* — D : Béla Balogh, oficisto, Üveggyár.

### Nederlando

*Twisk* (Noord-Holland). — D : F-ino C. M. Molenaar, instruistino.

### Nederlanda Hindujo

*Poerwokerto* (Java). — D : W. H. de Jonge, lernejestro.
*Samarinda* (Borneo). — D : Ek Thoean Lim, komercisto.
*Tondano* (Norda Celebeso). — D : John S. Mambu, H.I.S. weg. terkulturisto.

### Novzelando

*Auckland.* — D : Cyril Brandon, inĝ., 16 Wairiki Rd., Mt. Eden, S.1.

### Rumanujo

*Petroseni* (Hunedoara). — D : Nicolae Sedan, str. Casinou Muncit 4.
*Sighet-Maramures* (Transilvanio). — D : Ladislao Brenner, sukerajisto, Piata Unirei 9, sukerajejo « Brenner ».

### Sudan

*Atbara* (Angla-Egipta Sudano). — D : Nabih Suliman Tahan, kontisto, Accountant, T.R., P.O.B. 50; VD : Taŭfik Mikhail Girgis, kontisto, Accountant, T.R., P.O.B. 50.

### Svedlando

*Vittsjo* (Skanio). — D : Georg Ernst Palm, eks-instr., Björkebo.

### Turkujo

*Tire* (Izmir). — D : Faik Oguz, Muallim Tah sin Bey den.

### Usono

*Saint Paul* (Minnesota). — D : J. A. Forssell, direktoro, R-2-White Bear Lake.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plu estas D en jenaj lokoj :
*Aŭstralio:* Blackheath. *Aŭstrio:* Liesing; St. Martin-Lofer.
*Britlando:* St. Helens; Wolverhampton.
*Ĉeĥoslovakio:* Černovice u Tábora; Dolni Kralovice; Gottesgab; Hegeholz; Herrnskretschen; Hohenelbe; Horni Briza u Plzne; Hrnov nad Metuji; Mariaschein; Mirenice; Orlová; Raj; Rozvadze; Schaiba ap. Haida; Stará Boleslav; Türmitz; Votice.
*Finnlando:* Kyynäro. *Francujo:* Beauvais; Cagnes-s-Mer; Thiers;
*Germanujo:* Herne; Honnef am Rhein; Kohlscheid bei Aachen; Oberbeisheim; Oelsnitz; Reinsdorf; Schloss Holte bei Bielefeld; Wildeshausen i-V.; Zwickau.
*Nederlanda Hindujo:* Soeban Djerigi. *Svedujo:* Hällekis.
*Svislando:* Aathal; Uster.

*Statistiko de la Delegitoj:*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Februaro 1934 .................... | 2.155 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo.................... | 39 lokoj |
| | 2.116 lokoj |
| Novaj lokoj de 15 Februaro ĝis 15 Marto 1934....... | + 36 lokoj |
| Stato je la 15 Marto 1934 .................... | 2.152 lokoj |

Genève, 15 Marto 1934 Hans Jakob, Direktoro de UEA.

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1933

*** Unua slovaka kristana princo. Kompilis kaj tradukis St. Kamaryt laŭ verko de D-ro J. Hodal. Eldonis Slovaka Porfremdula Asocio en Bratislava. 14 paĝoj. 12×15 cm. (1933-61).

*** Robinson Kruzo. Simpla historieto por komencantoj. Adapto de Kervran. Eldonis Esperantista Centra Librejo, Paris. 12 paĝoj. 11,5×17 cm. Prezo : Fr. fr. 1.— (1933-62).

Okamoto-Rikiĉi : Teorio de Socia Vivo. Eldonis Belisma Koopera Kulturejo, Tomioka-mura, Šuntoo-gun, Šizuoka-ken, Japanujo. 37 paĝoj. 12,5×19 cm. Prezo : Yen 25 (1933-63).

*** Islanda ŝlosilo (Esperantó-Lykill). Eldonis Samband islenskra esperantista, Reykjavik. 32 paĝoj. 7,5×11 cm. (1933-64).

Julius Baghy : Hurra für nichts ! Tradukis kaj eldonis Albert Mair, Innsbruck.466 paĝoj. 14×20 cm. (1933-65).

Ivans : La viro el Francujo. Aventuro de Geoffrev Gill, Detektivo. Eldonis Populara Esperanto-Biblioteko, Amsterdam. Tradukis W. Versteeg Graftdijk. 243 paĝoj. 15,5×20 cm. (1933-66).

H. Sienkiewicz : Quo Vadis ? Tradukis el la Pola originalo Lidja Zamenhof. Eldonis Populara Esperanto-Biblioteko, Amsterdam. 272 paĝoj. 15×20 cm. (1933-67).

J.-D. Applebaum : A Short history of the Lancashire & Cheshire Esperanto Federation. 32 paĝoj. 12,5×18,5 cm. (1933-68).

F. Azorin : Universala terminologio de la Arkitekturo (arkeologio, arto, konstruo kaj metio). 6-8 lingva traduko de ĉiu radikvorto. 217 paĝoj. 14×20 cm. (1933-69).

Dante Alighieri : Infero. Laŭ la originala itala teksto kaj formo, en rimaj versoj tradukis kaj per specialaj klarigoj komentaris Kolomano Kalocsay. Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj, Budapest. 320 paĝoj. 23,5×15,5 cm. Prezo broŝurita sv. Fr. 8,80, bindita sv. fr. 1.— (1933-70).

*** Presisto kaj kliento. Kelkaj koncizaj konsiloj al tiuj, kiuj rilatas kun presejo. Eldonis Esperanto-presejo kaj eldonejo Ant.Prazak, Jablonné, Ĉeĥoslovakio. 16 paĝoj. 10,5×16 cm. (1933-71).

W. G. van de Hulst : Jaĉjo Holm kaj liaj amikoj. Tradukis H. C. Leeuwen. Eldonis G. F. Callenbach, Nijkerk (Nederlando). 237 paĝoj. 15×20 cm. (1933-72).

Henriko Fischer-Galatz L.K. : La fabelo de la granda turo kaj la malgranda doktoreto. Eldonis Esperanto-Centro Rumana, Bukaresto. 24 paĝoj. 10,5×13 cm. Prezo cent. sv. 10 (1933-73).

Ŝ. Inoue : Praktika konversacio esperanta. Eldonis Esperanto-propaganda Asocio, Kameoka Kioto-hu, Japanujo. 182 paĝoj. 12,5 × 18,5 cm. Prezo Fr. sv. 2.— bind. (1933-74).

O. Deguĉi : Perpoema Vortaro Esperanto-Japana. Tria eldono, luksa. 450 paĝoj. 10 × 17,5 cm. Prezo Fr. sv. 4.— (1933-75).

Jean Moreau : Les 16 règles de l'Espéranto, développées et précisées. Eldonis E.S.F.I.O. (Franca seksio de Internacio Socialist-Esperantista). 96 paĝoj. 10,5 × 16 cm. (1933-76).

*** Kio estas Esperanto ? (Greklingva propaganda broŝuro). 31 paĝoj. 12,5 × 17 cm. (1933-77).

Franz Ullrich : Skizoj el Esperantujo. Eldonis la aŭtoro. 32 paĝoj. 11,5 × 15 cm. Prezo Kč. 4.50 (2 respondkuponoj). (1933-78).

*** La Samanta-mukha-parivarto aŭ evangelio de avalokiteŝvaro, elsanskritigita kaj komparita kun ĉinlingva traduko de Kiuĉi Nohara. Eldonis Japana Budhana Ligo Esperantista, Kioto, Japanujo. 36 paĝoj. 12,5 × 18,5 cm. (1933-79).

Einar Dahl : Huru leder man Forsättningskurser i Esperanto ? Handledning för studieledare. Eldonis Eldona Societo Esperanto s.p.r., Stokholm. (1933-80). 40 paĝoj. 12 × 18,5 cm. Prezo 1 Kr. sved.

Ernfrid Malmgren : La Esperanto-Klubo, kial kaj kiel fondi ĝin, kiaj estu la programoj. Eldonis Eldona Societo Esperanto s.p.r., Stockholm. 48 paĝoj. 12 × 18,5 cm. Prezo 1 Kr. sved. (1933-81).

Selma Lagerlöf : La infanoj de Betlehem. Eldonis Eldona Societo Esperanto s.p.r., Stockholm. Tradukis Oscar Frode. 32 paĝoj. 14 × 20 cm Prezo 0.75 Kr. sved. (1933-82).

*** ISE-Kalendaro. Eldonis Internacio de Socialistaj Esperantistoj, Wien XXI, Angererstrasse 14 (Aŭstrio). 64 paĝoj. 11,5 × 15 cm. Prezo aŭstriaj ŝil. —.60 = dol. usona —.20 (1933-83).

Bui-nguGen-Dgnh : Hoc The-Gio'i-Ngu (lernolibro de Esperanto) en Tonkina lingvo). Eldonis An-Son Thu-Xa, Librejo A.S., 70 rue du Coton, Hanoi. 154 paĝoj. 15 × 22 cm. Prezo dol. usona —.50. (1933-84).

Hans Jakob : Universala Esperanto-Asocio. Historia skizo. 1908-1933. Eldonis Universala Esperanto-Asocio, Genève. 11 paĝoj. 11,5 × 16 cm. (1933-85).

Grenkamp-Kornfeld — Brzekowski : Pri l'moderna arto. Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj (AELA), Budapest. 32 tekstopaĝoj kaj 68 bildopaĝoj. 23,5 × 1,5 cm. Prezo broŝ. 7.—, bind. 9.— sv. fr. (10% sendkostoj). Por AELAanoj la kvara libro en 1933. (1933-86).

Julie Ŝupiĉhova : Lernolibro en ĉeĥa lingvo por Esperanto, kvara eldono. Eldonis Solce A Simacka, nakladatelstvi s-r.o *Praha* II., Jerusalemská 11. 128 paĝoj. 11,5 × 18 cm. (1933-87).

*** Du Noveloj : Genutrantoj, de Jiri Sumin ; Maryĉka Danculino, de Ruzena Svobodová. Eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj, Olomouc ĈSR. 81 paĝoj. 13 × 18,5 cm. (1933-88).

Yoshi H. Ishiguro : Fundamento de Esperanto de L. L. Zamenhof. Unua japana eldono de la Fundamento kaj detala studo libro pri ĝi. Eldonis Hakubunkwan, Tokio. 352 paĝoj. 13 × 19 cm. Prezo : tole bind. kun ujo 6.— sv. fr. (1933-89).

## Novaj libroj 1934

Christian Hougaard : El la nebulo, tre facila legolibro. Eldonis Dana Esperanto Librejo, Aabyhőj. 28 paĝo. 11,5 × 17,5 cm. Prezo Fr. svisaj —.50. (1934-1).

Jacobus Bianchini : Cursus Completus Esperanti (Grammatica, exercitia, glossarium). Eldonis Typographia A. Paolet, S. Vito Al Tagliamento (Italia). 168 paĝoj. 12 × 18 cm. Prezo ital. L. 10.— (1934-2).

*** Esperanto-katalogo. Eldonis Libro-servo F.L.E., Postbus (0) 50, Amsterdam. 36-paĝa, 13,5 × 19,5 cm. (1934-3).

*** Jarlibro 1933-1934 de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), 23, rue Boyer, Paris-20. 28 paĝoj. 15 × 22 cm. (1934-4).

G. P. de Bruin : Wat ieder van Esperanto weten moet. Eldonis Libroservo F.L.E., Postbus (O.) 50, Amsterdam. 27 paĝoj. 13,5 × 19,5 cm. (1934-5).

*** Filozofia vortaro. Kompilis D-ro Stan. Kamaryt. Eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj, Olomouc, ĈSR. 171 paĝoj. 12 × 17 cm. (1934-6).

*** La vojaĝoj de Gulivero. Esperantigis Jos. A. de Roos. Eldonis Piet Smits, Korvelscheweg 85, Tilburgo, Nederlando. 112 paĝoj. 13,5 × 19 cm. (1934-7).

*** Oduseias de Homeros. El la antikva greka lingvo tradukis W.J.A. Manders. Eldonis : Firmo W. J. Thieme & Cie, Zutphen, Nederlando. 294 paĝoj. 15 × 22 cm. Prezo : broŝ. 8.—, 8.50 sv. fr. (1934-8).

Eugeno Miĥalski : Kantoj de l'amo kaj sopiro. Kolekto da originala versoj. Eldonis N. Ŝapiro, Nowolipki 8, Warszawa, Polujo. 48 paĝoj. 15,5 × 18 cm. (1934-9).

Alois Vanous : Elmontriĝo de la konsciencvoĉo. Esperantigis Julja Trojánková-Bendová. 12 paĝoj. 15 × 23 cm. (1934-10).

## Donaco

La Esperantista Grupo en Tulle, Francujo, donacis al la Biblioteko de UEA la jenan libron ; por kio ni kore dankas :

Charles E. Sprague : Hand-Book of Volapük. By.... Member of the Academy of Volapük, president of the Institute of Accounts. 3-rd edition. (19,5 × 13 cm., 120 p.). New York 1888. The Office Company. London : Trübner & Co.

---

De S-ro Ernest S. Hediger, Genève :

Dr. Erwin Ritter in Genf : Die Sprache im internationalen Verkehr. 2. Auflage. 23,5 × 15 cm. 48 p. (Als Manuskript gedruckt) Gedruckt von G. Braun, Karlsruhe, 1932.

---

# Oni dankas

*** Radoslav k. Triĉkow, U.E.A. delegito kaj peranto en Vratza (Bulgario) tutkore kaj varme esprimas sian kontenton kaj dankemon al la sekvantaj U.E.A., reprezentantoj en Hispanio : VD. Teodoro Elizondo en Bilbao, D. Francisco Garcia Merchan en Cadiz, D. Carlos San Antonio Lopez, kuracisto en Madrid, D. Mariano Jaq. Molina en Palma de Mallorca kaj al D. Miguel Moreno Castillo en Sevilla pro ilia bonvolo kaj valoraj prikomercaj informoj. Al ĉiuj mian dankon kaj estimon.

*** S-ro Hoyle, Delegito en Sowerby Bridge, Anglujo dankas S-ron Mc. Cormick, D en Dublin, kiu havigis al li la hospitalajn Loteriajn biletojn por ĉiu ĝinana okazo.

*** S-ro Jules Ginsburg, ano de UEA en Antverpeno, dankas al la Delegito en Las Palmas, S-ro José S. Baez, pro plenumo de informpeto.

# Turisma Servo de UEA

## Finnlando
## la lando de 60000 lagoj

Tiel titoliĝas altformata varb-gvidfolio en rotogravura presmaniero eldonita de la Asocio por Finnlanda Turismo. Tipa vidaĵo finnlanda kun karto geografia ornamas unuan kaj lastan paĝon de tiu gvidfolio. Plie dekses bildoj ilustras la tekston korekte verkitan en bona Esperanto. La prospekton oni povas senpage riceve pere de *Suomen Matkat*, Aleksanterinkatu 7 - A, Helsinki. La prospekton presis la konata firmo Otava, kiu jam presis Esp. librojn.

## Manlibro por turistoj

Interesa eldonaĵo estas manlibro por turisto titolita « Manuel de Conversation à l'usage des touristes » eldonita de l'Alliance internationale de tourisme. Sur 116 paĝoj en tabela maniero estas ordigitaj vortoj kaj frazoj en lingvoj franca, nederlanda, germana, angla, itala, hispana, dana kaj Esperanto. Grupigita laŭ 14 kategorioj, turisto facile trovas bezonatan vorton aŭ frazon. Oni povas ricevi tiun utilan libreton pere de la Esperantista Grupo, Brasserie du Sac, Grand' Place 4, Bruselo, Belg., kontraŭ 2 respondkuponoj.

## Pola Turing Klubo

Ĉiu numero de « Turisto kaj Aŭto », organo de Pola Touring-Klubo en Varsovio enhavas paĝon pri Esperanto-movado. La n-ro 4/1933/Decembro informas pri fondo de Esperanta Sekcio ĉe P.T.K. pri la Inaugura Vespero okazinta la 23.XI.33., pri Esp.-kursoj en Svedujo-aŭtuno 1932-printempo 1933-, pri Kongreso en Stokholmo k.t.o. Nr. 2/1934/ informas pri fondo de Propaganda Komisiono kiun eniris delegitoj de la Centra Estraro de Pola Touring-Klubo kaj tiuj de la Esperanta Sekcio. Ĝia tasko estos propagandi polan turismon enlande kaj eksterlande. Krome estas artikoleto ĝenerale pri esperantaj universalaj kongresoj kaj pri la XXVI okazonta en Stokholmo. Ankaŭ informas la revuo pri « Sveda Vespero » en ejo de P.T.K. la 22.III.34 sub la protekto de la sveda Ministro en Varsovio Sinjoro Einar Hennings. La « Vesperon » aranĝas Esperanta Sekcio de P.T.K. En programo prelegoj pri Svedujo kaj Ŝtokholma Kongreso, fine koncerta parto.

## Norddeutscher Lloyd, Bremen

La legantoj memoras, ke tiu ĉi plej malnova ŝip-kompanio germana eldonis prospekton ĝeneralan, dissenditan dum pasinta jaro al la Delegitoj de UEA.

La afabla akcepto, kiun trovis tiu ĉi reklamo instigis la kompanion, eldoni prospekton pri Lloyd vojaĝoj dum la jaro 1934, lukse presitan en korekta lingvo.

Sur ok paĝoj nin informas tiu ĉi prospekto pri vojaĝoj sur Meza Maro, Norda Maro, Balta Maro, je rimarkinde favoraj prezoj.

La prospekto estis dissendita al ĉiuj Delegitoj de UEA. Interesuloj petu ĝin senkoste pere de l'Turisma Servo de UEA.

# Reklama Servo de UEA

## Firmo Gevaert, Antwerpen (Oude God)

Kun la Oficiala Bulteno 29 estis dissendita folio pri Ortho-Brom, t.r. Brom-arĝento papero por kontaktpreso kaj pligrandigo. La folio klarigas la uzmanieron en 19 lingvoj kaj en Esperanto. La aldonon de nia lingvo ni dankas al la klopodoj de S-ro Calloens en Aalst, prezidanto de la Flandra Esp. Ligo. Interesuloj povas ricevi senpage ekzempleron de l'folio pere de l'Reklama Servo de UEA.

**Centmiloj da Esperantistoj ? Ne troigu !**
**Pruvu ke estas Dekmiloj kaj helpu**
**vivteni UEA per via aliĝo de Subtenanto !**

# Cseh-kursoj

### Nederlando

Post la grandsukcesa unua internacia Esperanto-kurso por P.T.T.-geoficistoj, okazinta en la pasinta jaro, la *Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj (ILEPTO)* kaj la *Internacia Cseh-Instituto de Esperanto*, en kunlaboro kun la Ĝenerala *Direkcio de la Nederlanda P.T.T.*, organizas

LA DUAN INTERNACIAN KURSON DE ESPERANTO POR LA GEOFICISTARO DE P.T.T., KIU OKAZOS EN LA ESPERANTO-DOMO EN ARNHEM (NEDERLANDO), DUM LA TAGOJ 2—12 JULIO 1934.

La kurso estos gvidanta de *Andreo Cseh*, laŭ lia konata *metodo (sen lernolibroj, sen uzo de nacia lingvo, sen hejma laboro, en praktika kaj amuza maniero)* kaj ĝi kapabligos al skriba kaj parola uzo de la lingvo Esperanto en simpla ĉiutaga interrilato, speciale sur la kampo de P.T.T.

La kurslecionoj okazos dum 10 labortagoj, matene de la 9-a ĝis la 13-a horo. Dum la posttagmezoj estos *ekskursoj studaj kaj plezuraj*, interalie al la granda nederlanda *radio-stacio en Kootwijk*, plenumanta la telegrafan servon kun Nederlanda Hindujo. En la vesperoj okazos *amuzaj aranĝoj*.

La kurso servos ankaŭ kiel ideala okazo por internacia interkonatiĝo kaj interamikiĝo de la diverslanda P.T.T.-kolegaro.

En la kurso partopreni povas *ĉiuj geoficistoj de la P.T.T., kune kun siaj familianoj*. Partopreni povas ankaŭ personoj, kiuj jam scias la lingvon Esperanto. *Kurskotizo* estas : 7.50 ned. guldenoj, por pluaj anoj de la sama familio nur 5.— guld. Kursanoj loĝantaj en la Esperanto-Domo pagas nur 5.— resp. 3,50 guld.

La kursanoj povos loĝi en la *hotelo de la Esperanto-Domo*, kie plena pensiono (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) je malaltigita prezo kostas por unu tago kaj unu persono : 3,50 Guld. (aparta ĉambro), 3.— Guld. (2—4 litoj en unu ĉambro), kaj 2.50 Guld. (5—10 litoj en unu ĉambro), Servmono : 10 %.

Aliĝante oni sendu la kurskotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pensionprezon por almenaŭ du tagoj.

*Adreso* por aliĝoj kaj informpetoj : *Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Riouwstraat* 172, *Den Haag, Nederlando*. (Poŝtkonto : Den Haag 162626).

*Favoroj*. — Estas kreita *speciala fondo por subvencii partoprenantojn*, kies ekonomia stato ne ebligas la partoprenon. Petojn por subvencio oni sendu al la supra adreso, kiel eble plej baldaŭ. Ĉe la disdono de la subvencioj preferon ĝuos tiuj petantoj, kiuj aldonis al sia petskribo ankaŭ ian *ateston* aŭ *rekomendleteron* (de la oficeja estro aŭ de P.T.T.-fakorganizajo).

*Libertempo*. — La Ĝen. Direkcio de la Nederlanda P.T.T. decidis doni *ekstrajn libertagojn* al tiuj, kiuj intencas partopreni en la kurso.

*Peto*. — La legantoj de ĉi tiu anonco estas petataj vaste diskonigi la informojn pri la kurso en la nacia gazetaro, precipe en la fakaj gazetoj, kaj instigi siajn proprajn P.T.T.-estrarojn kaj fakorganizajojn, ke tiuj de sia parto delegu kaj subvenciu partoprenantojn. Donacoj por la subvencia fondo estas danke akceptataj. — Invitleteroj al la P.T.T.-direkcioj de ĉiu lando estas jam dissenditaj de la Nederl. P.T.T.-Direkcio, tra la Universala Poŝta Unio en Bern.

### Svedlando

En Boras la nombro de la lernantoj de s-o Morariu kreskis ĝis 150 en la 3 grupoj por komencantoj. Partoprenas i.a. la prezidanto de la Sveda Junulara Federacio (Loka Sekcio) kaj la skolta komandanto (instruisto). Krome 50 progresantoj en Boras kaj Ulricehamn. Dum la dimanĉoj Morariu faras esp. lumbildparoladojn pri sia hejmlando, Rumanujo, ĝis nun en Ulricehamn, Varberg, Viskadalen, Gislaved, Göteborg, Mölnlycek, Venis invitoj ankaŭ de Skene, Lidköping, Slöinge k.c.

### Francujo

Eltre sprita artikoleto sendita de Tropeolo el Tours ni komunikas pri sukcesa kurso de S-ro Julius Glück, okazinta en la salono de la Urba Domo. La kurso komencis kun 42 personoj kaj kreskis al 101. Vera rekordo. Rimarkinde estas la impulso donita per tiu ĉi kurso.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

D-RO HRISTO TOTEV RJAHOVSKI, advokato en Gara Levski, Bulg., malnova pioniro, eldoninto de periodaĵo « Trumpetisto » 1902-1904, de broŝuro « Solvita demando pri internacia graveco, kaj la unuan serion de « Bulgara Esperantisto » 1906-1907. (Sen dato pri morto I.H.K.)

S-RO LADISLAV PROCHAZKA, D de UEA en Pelhrimov, ĈSR, pro apopleksio dum instruado en lernejo. (Dato ne komunikita.)

S-RO F. B. ELWELL, Ano de UEA 31 562 en Ilford, Anglujo, 22. Febr. 1934.

F-INO ELSE THAM, Del-ino de UEA en Hohenelbe, Ĉeĥoslovakio, Marto 1934.

S-RO SERGEO DMITR. IVANOV, Leningrad, 2. Febr. 1934. UEA ano 22647. Lerninte E en 1910 kiel studento ĉe l' Petroburga Universitato li restis fidela ano de l' ideo de internacia lingvo. Mortis pro tuberkulozo kaj postlasas edzinon, esperantistinon.

S-INO EMILIE NAJMANOVA, VD de UEA en Jičin, Ĉeĥoslovakio (Sen dato).

S-RO INĜ. VACLAV FAIGL patro de nia Delegito en Zlonice, Ĉeĥoslov.

S-RO FRANS SCHOOFS, pioniro belga, Antwerpen, 12 Marto 1934. — Post preparo de l'nuna numero, venis la jena raporto pri la enterigo de Frans Schoofs, kion ni represas tie ĉi, pro manko de loko sur la paĝo 56.

Same kiel la vivo de nia bona samideano Frans Schoofs staris en la signo de Esperanto, same ankaŭ lia lasta vojaĝo estis vere Esperanta ceremonio.

Centoj da samideanoj venintaj el ĉiuj urboj de Belgujo kunvenis en kaj ĉe la Esperanto-domo de la Kleine Hondstraat, kie loĝis la formortinto.

La ĉerko estis ĉirkaŭata de dekoj kaj dekoj da florgarboj kaj kronoj kun rubandoj verdaj kaj malvaj.

Post la longa salutirado de la amikoj, reprezentanto de la administrantaro de la « Societo por Konstruo de malmultekostaj Domoj », kies Direktoro S-ro Schoofs estis, kun emocio rakontis pri la grandaj organizkapabloj de la forrabita amiko.

Tiam sekvis la Esperanto-paroladoj de Hans Jakob, Direktoro de UEA, kiu speciale faris la vojaĝon de Genève al Antverpeno, por saluti lastfoje la grandan Esperantistan pioniron, kiu krom la rolo, kiun li plenumis en la nacia Belga movado, en la lastaj jaroj ankaŭ iĝis unu el la plej interesaj, simpatiaj figuroj de la internacia Esperantistaro. S-roj Cogen, vicprezidanto de « Belga Ligo Esperantista »; Boffejon, nome de la loka Grupo « La Verda Stelo », kaj Jaumotte, administranto-delegito de « Belga-Esperanto-Instituto » diris lastan adiaŭon al sia amiko kaj mallonge pritraktis tion, kion la foririnto realigis en ĉiu speciala rondo.

Procesie la longa sekvantaro akompanis la funebran ĉaron tra la stratoj de la urbo, al la malproksima enterigejo, kie la amiko Schoofs nun ripozas en tero, kiu dank' al interkosento de familio kaj Esperantistaj amikoj, iĝis vere Esperanta tero.

Ke li ripozu dolĉe, kaj ke la lumiga kaj ĉiam moderiga spirito de la granda formortinto incitu ĉiujn sekvi siajn paŝojn.

M. J.

*Sinceran kunsenton !*

## Internacia Konkurso por la Junularo

La Eŭropa konkurso « *Kristo kaj la Universala Frateco* » organizita de la Ekumena Junulara Komisiono (Case postale 46, Genève, Svislando) vekis tre grandan intereson ; petoj pri informoj alvenis el plej malproksimaj partoj de Eŭropo (i.a. Sovjetunio kaj Portugalujo).

La informo pro la Konkurso estis diskonigata al la tutmonda gazetaro pere de la « Ekumena Pres- kaj Informservo » kaj individue inter la anaro de la Komisiono. Ĝis nun estas dissenditaj 790 ekzempleroj de la regularo en germana lingvo ; 1.110, en la angla ; 630 franca kaj 70 en Esperanto. Cirkulis ankaŭ sveda eldono.

Por ebligi pluan partoprenon, en sia lasta kunsido la Junulara Komisiono konsentis plilongigi la limtempon por la alsendo de la verkaĵoj, ĝis la 31-*a de Majo* 1934.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*Mallongigoj:* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l. kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (H&P) nur PM (malrespondas bagatelajojn).

*Amsterdam* (Nederlando). — La U.A.S.E. aranĝos en la fino de Aprilo letervesperon. Estas petata sendi poŝtkartojn kaj leterojn al la sekretario. W. J. van Eif, Stadionweg 237, Z.

*Busseto* (pr. Parma, Italujo). — S-ro Bottazzi Alissio. Esperanta kaj itala interŝtenoj, kun Sudameriko kaj Aŭstralio. Afranku filatelie kaj zorge skribu vian adreson.

*Cagliari* (Italujo). — S-ro Antonio Murgia, Via Sulis 35 p. II. per itala intersteno. Afranku filatelie.

*Dangebo* (Svedujo). — S-ro O. M. Carlsson, vendas melodion « En la Dometo », prezo 25 oeroj.

*Forest lez Bruxelles* (Belgujo). — F-ino Augusta kaj S-ro Jean Pascal, 67 Ave. Wielemans Ceuppens, PI.

*Forest lez Bruxelles.* — F-ino Mario kaj F-ino Elisabethe Weckx, 67 Ave. Wielemans Ceuppens, PI.

*Kedainiai* (Litov.). — S-ro Br. Pečiulis, Kreivoji 5-a PI., bfl., k.ĉ.l.

*Krouná u Skutče* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Fr. Ferina, instruisto PI k.a. C.r.

*Lockington,* Victoria (Aŭstralio). — S-ro E. C. Tronevud, fervoja Staciestro, k.ĉ.l., L., PI., PM. C.r.

*Las Palmas* (Gran Canaria). — S-ro Juan Sanchez de la Coba, Triana 90. P.M., k.ĉ.l. Korespondas hispane kaj esperante. C.r.

*Lourenço Marques* (Portugala orienta Afriko) C.P. 264. S-ino M.S. Amaral Guerra, petas klerulaj virinoj de ĉiuj landoj bonvolu interŝanĝi korespondadon pri informoj de feministaj aferoj en iliaj landoj.

*Lyon-La-Demi-Lune* (France, Rhone). — F-ino Hélène Laurent, Chemin des Genetières, 21-jara, ŝatanta studadon, PK. L. kun gejunuloj en Britlando, Germanujo, Polujo, Hispanujo, Norvegujo, Turkujo, Egiptujo, Japanujo, Aŭstralio kaj Argentino.

*Morancé* (France, Rhône). — S-ro Marcel Chauffray, PI., P.M.L.

*Sapporo* (Japanujo). — S-ro Kusuo Acumi, Kita 7 Nisi 20; L., Pk., k.ĉ.l. pri agrikulturo precipe hortikulturo.

*Sevilla* (Hispanujo). — S-ino Maria Amoros, Escuela graduada, Calle Castellar 50. k.ĉ.l., PI.

*Sevilla* (Hispanujo). — F-ino Dolores Roldán, Escuela graduada, Calle Castellar 50. k.ĉ.l., PI.

*Sharon Penn.* (U.S.A.). — S-ro Robert Wentz, laboristo, 112 Ormond Ave., L., PK., kun laboristoj pri sociaj temoj en Aŭstrio, Germanujo Francujo kaj Hispanujo. C.r.

*Valencia* (Hispanujo). — D-ro fil. Brehm, F.J.L. (London), diplom. lingvisto, Calle de la Victoria 7, serĉas bonhumorajojn, ŝercojn pri kuracistoj, dentkuracistoj, bestkuracistoj, apotekistoj.

# Petoj kaj proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Atentu!* Ĝardenisto, germano 20 jara, kat, serĉas okupadon en eksterlando prefere en Italujo aŭ Svisujo. Bonvolu helpi kaj skribi al: Gerhard Walter, *Langwasser-Löwenberg* Nr: 289, Greiffenberg i. Schlesien (Land.).

*Edziniĝo.* — Inteligenta fraŭlino edziniĝus eksterlanden je oficisto, komercisto, bona metiisto super 27 jaroj, reganta germanan aŭ hungaran lingvon. Interesatoj skribu, indikante precizajn personajn datojn al: P. Tabai, Poste Restante Bratislava, Ĉeĥoslovakio.

« *Filatelistoj.* Ĉiu, kiu sendas al mi PM. 1908-1933 de sia lando, ricevos de mia lando saman kvanton S-ro Béla Balogh, *Salgotarjan.* Ŭveg-gyar, Hungarujo. »

*Kekso Esperanto.* Aĉetu nian speciale faritan kekson en skatoloj plaĉe envolvitaj per artepresita skatola bendo portanta la nomon « Esperanto » kun verda stelo kaj esperanta teksto. Ĝi estas taŭga kiel propagandilo ĉe div. esp. kongresoj, kiel donaco, premio ktp. kaj estas *vera ornamaĵo sur ĉiu esperantista tablo.* Unuopajn skatolojn ni sendas eksterlandan kiel « senvaloran specimenon » kontraŭ antaŭsendo de 4 internaciaj poŝtaj respondkuponoj. Por pli grandaj kvantoj postulu nian specialan oferton.

Karolina fabriko de biskvito kaj kekso a.s. Osijek (Jugoslavio).

*Kunlaboro* estas la titolo de simbola ludaĵo pri paco kaj Esperanto, vivrenovigo kaj junularo. 4 paĝa teksto ricevebla kontraŭ 0,20 Fr. sv. de l' verkinto Walter Mudrak, Strozzigasse 19, Wien VIII

*Poŝtmarkojn* interŝanĝataj kun ĉiuj eŭropaj landoj, laŭ katalogoj Michel aŭ Yvert. Enskribitaj sendaĵoj, respondo poŝtrevena garantiata. Ĉiuj PM eldonitaj en ĈSR liverotaj. S-ro Josef Polena, tabavkendisto, Velky Bor P. Horazdovice, Ĉeĥoslovakujo.

*Studado.* — Samideanoj! Kiu povus certigi al malriĉa studento ĉeĥoslovaka du monatajn restadon en Francujo, por pliperfektiĝi en franca lingvo! respondojn je la signo « dankema » mi petas sendi al C. O. de UEA.

*Semojn* de sovaĝaj kaj kulturaj kreskaĵoj proponas N. Gluĥov dum multaj jaroj loĝanta en N. Manĉjurio, membro de grupo de naturscienculoj kaj de agrikultura societo. Estas garantiataj ĝusteco de speco, kvalito kaj ekĝermeco de la semoj. Prezo laŭ reciproka kunsento. Bonvolu sin adresi antaŭtempe al Del. de UEA meteorologo P. Pavlov (por N. Gluĥov). Bolŝoj Prospekt 36, loĝ. 4 Harbin, N. Manĉjurio.

*Tuj Decidu* libertempi somere apud la Mediteraneo. Havigu al vi programon kun prezoj enkludanta ekskursojn al San-Remo (Italujo), Monte-Karlo, Monaco, Cannes, Grasse ktp. de Internacia Hejmo Esperantista, Aspremont (M. A.) Franclando.

## RADIO-STACIO BRNO : ESPERANTO DISSENDOJ.

| Dato | Programo : | Parolantoj |
|---|---|---|
| prilo 14 ........ (17,15 — 17,25) | La leganto kaj la libro | Jaroslav Horáček. |
| Aprilo 25 ....... (22,30 — 23,25 h.) | Esperanto-horeto kun varia enhavo (Leterkesto, muziko, esp. Kabaredo) | Anoj de TRAKT. |
| Aprilo 28 ....... (17,15 — 17.25 h. | Esperanto-Aktualaĵoj | F-ino Marie Strejčková. |

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 217-4-34.